ilei

Driemaandelijks tijdschrift. Afgiftekantoor: Antwerpen X.
ISSN 1013-2031
Jarkolekto 30 - trimonata
2/00

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Organo de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj




**Redaktoro:**
Jozefo Németh

**Vicredaktoro:**
Katalin Smidéliusz

**Kunlaboris:**
Stefan MacGill
Blazio Vaha

# ENHAVO



# ESTRARO DE LA LIGO

**Prezidanto:** Maŭro La Torre, Dipartimento di Scienze dell'Educazione, Università Roma Tre, Via Castro Pretorio, 20, IT-00185 Roma, Italio.
Tel. (+39) 06 4957805 aŭ 06 49 57805, fakso: (+39) 06 49385673.
<m.latorre@uniroma3.it>; http://lps.uniroma3.it
*Interlernejaj projektoj, komunikiloj, terminaro, reprezentado.*

**Vicprezidanto**: Stefan MacGill, Bethlen Gábor u. 2, HU-2030 Érd, Hungario.
Tel. (+36 23) 364 198. <stefan.macgill@galamb.net>
*Lerniloj, komunikiloj, eldona agado.*

**Sekretario (aganta)**: Mariana Evlogieva, Drujhba-2, PK 18, BG-1582 Sofia, Bulgario.
Tel. (359 2) 24-33-78. <intrpres@usa.net> aŭ <amuze@poboxes.com>
http://www.poboxes.com/amuze; http://www.webalias.com/amuze
*Membraro, sekcioj, komitato*

**Vicsekretario:** Jennifer Bishop. 39 Hill Street, Hawthorn, Victoria 3122, Aŭstralio. Tel. (+61 3) 9818 7358, fakso: (+61 3) 9905 3668.
<esperanto@education.monash.edu.au> *Lernejoj, konferencoj, gimnazio.*

**Kasisto:** Boo Mee Kim-Lindblom, Stenbockensgata 102, SE-136 62 Haninge.
Tel. (+46 8) 777-4175, <boomee.kimlindblom@swipnet.se>

**Membro**: Carla De Lorenzi, via Boston 65, IT-10137 Torino, Italio.
Tel. (+39) 011 390 787. *Trejnado, lerniloj.*

**Membro**: *Unu estrara loko vakas, kun respondeco pri metodikaj seminarioj kaj universitata agado.*

Geraldo Mattos

# INSTRUO DE LINGVO KAJ INSTRUO DE GRAMATIKO

*[daŭrigo de artikolo en IPR 00/1, p. 22-29]*

3. La tri sufiksoj de vortoklaso:

/-o/: sufikso de substantivo, kiu manifestas estaĵon.
/-a/: sufikso de adjektivo, kiu manifestas priskribon.
/-e/: sufikso de adverbo, kiu manifestas cirkonstancon.

La kombino de tiuj tri ordoj de sufiksoj estigas niajn participojn substantivajn, adjektivajn kaj adverbajn, sed la gramatikistoj ne observis, ke la sufikso de vortoklaso retiris ilin de la klaso de la verboj, kaj ili do ne plu povas rilati al la dialogo, sed devas rilati nur al la fakto, kiun la verba radiko manifestas. Kaj tio estas facile pruvebla:

| | |
|---|---|
| laboras: | dum la laboro nur en la nuna tempo: dum la dialogo. |
| laboranto: | homo dum la laboro en la nuna tempo: dum la dialogo. |
| laboranto: | homo dum la laboro en la pasinta tempo: antaŭ la dialogo. |
| laboranto: | homo dum la laboro en la venonta tempo: post la dialogo. |
| verkis: | dum la verko en la pasinta tempo [imperfekto]: antaŭ la dialogo. |
| verkis: | post la verko en la pasinta tempo [perfekto]: antaŭ la dialogo. |
| verkinto: | homo post la verko en la nuna tempo: dum la dialogo. |
| verkinto: | homo post la verko en la pasinta tempo: antaŭ la dialogo. |
| verkinto: | homo post la verko en la venonta tempo: post la dialogo. |

Ni povas pruvi tion saman ankaŭ per indukto. Efektive, se ni konsideras la koherecon de Esperanto, ni povas starigi regulon bazitan sur malmultaj ekzemploj, sed ĉi tie mi tion faras per unu sola. Esperanto distingiĝas de aliaj lingvoj per severa imperativo: kio validas por unu, tio validu por ĉiu! Kaj ni do pensu nun pri la sekvantaj propozicioj:

La vino estas bongusta.
La vino estis bongusta.
La vino estos bongusta.

La vorto *bongusta* konservas sian plenan kaj tutan signifon en ĉiu el tiuj asertoj, ĉar la ŝanĝo de la verbo ne povas ŝanĝi la signifon de aliaj vortoj. Sekve de tio, la sekvantaj frazoj prezentas ripetitan participon ĉiam kun la sama signifo de trinkado okazanta unue en la estanteco, poste en la estinteco kaj fine en la venonteco:

La vino estas trinkata [restas vino en la glaso].
La vino estis trinkata [restis vino en la glaso].
La vino estos trinkata [restos vino en la glaso].

Kaj per simila komparo inter adjektivo kaj adjektiva participo ni povas malkovri ne tre maloftan eraron ĉe la apero de tempaj cirkonstancoj. Ni do sekvigas du akceptindajn propoziciojn, al kiuj mi aldonas trian, gramatike neakceptindan:

La domo estas preta ekde la pasinta jaro.
La domo estis preta en la pasinta jaro.
*La domo estas preta en la pasinta jaro.

Tio sama devas do okazi al participoj:

La letero estas skribita ekde la pasinta jaro.
La letero estis skribita en la pasinta jaro.
*La letero estas skribita en la pasinta jaro.

La tuta vero estas tio, ke adjektiva participo estas adjektivo, kaj devas konduti kiel ĉiu alia adjektivo de la lingvo!

Post la faritaj analizo kaj vicigo, ni devas elekti la plej facile uzeblajn participojn por trovi iliajn bazajn signifojn. Cetere, la elekto de participo obeas al la sama kriterio, per kiu ni elektas substantivon, adjektivon kaj adverbon:

| | |
|---|---|
| Substantivo: | Pri kiu estajo mi volas paroli? |
| Adjektivo: | Kia mi volas priskribi la estajon, kiun mi citos? |
| Adverbo: | Kiel mi volas karakterizi la fakton, kiun mi eldiros? |

Neniu el ili estas do elektataj per rigardo al la verbo, sed nur al la signifoj, kiujn ili prezentas.

La elekto de la participo ne dependas do de la verbo, en kies propozicio ĝi aperas, sed nur de ĝia signifo, kiu estas unusenca. Mi opinias, ke la plej facile uzataj participoj estas la adverbaj, kiam ili rilatas al la tuta propozicio, ne nur al ĝia verbo, kaj povas esti rekonataj per la granda ordolibereco, kvankam plej ofte ili okupas la unuan pozicion de la eldiro:

Skribonte la leteron, li iras / iris / iros al la komputilo.
Skribante la leteron, li tajpas / tajpis / tajpos furioze.
Skribinte la leteron, li kuras / kuris / kuros al la poŝto.

Ni povas facile konstati, ke ĉiu participo povas aperi kun ĉiu el la verboformoj, kaj do estas multe pli facile reagi al la sola signifo de la propra fakto, kiun manifestas la verba radiko en la participo, ol rigardi al la finitiva verboformo, ofte distanca. Sekve de tio, por la kompreno de la supraj participoj gravas ne la dependeco al la propozicia verbo, sed nur la elektita tempo de la fakto *skribi*, nome la tempo de la skribo de la letero:

Antaŭ la skribo de la letero, li iras / iris / iros al la komputilo.
Dum la skribo de la letero, li tajpas / .tajpis / tajpos furioze.
Post la skribo de la letero, li kuras / kuris / kuros al la poŝto.

Kaj estas do evidente, ke ankaŭ la participoj substantivaj kaj adjektivaj devas havi sian signifon de antaŭeco, dumeco kaj posteco. Anstataŭ pensi pri la priparolata tempo, ni pensu nur pri la tempo de fakto: antaŭ la skribado ni parolas pri skribonta kaj skribota, dum la skribado pri skribanta kaj skribata kaj post la skribado pri skribinta kaj skribita.

Se nun ni direktas nin al la du vere problemaj participoj, ni povas esperi, ke la lernantoj adaptos la difinojn de la adverbaj participoj ankaŭ al la substantivaj kaj adjektivaj:

| | |
|---|---|
| Venkanto / venkato: | homo dum la venko: sen decido. |
| Atakanto / atakato: | homo dum la atako: sen decido. |
| Venkanta / venkata: | dum la venko: sen decido. |
| Atakanta / atakata: | dum la atako: sen decido. |
| Venkinto / venkito: | homo post la venko: kun decido favora al la unua. |
| Atakinto / atakito: | homo post la atako: ne plu atakanta / ne plu atakata. |
| Venkinta / venkita: | post la venko: kun decido favora al la unua. |
| Atakinta / atakita: | post la atako: ne plu atakanta / ne plu atakata. |

La esenca diferenco kuŝas do en tio, ke ni pensu pri la cirkonstancoj de la tempo dum la faktoj venki kaj ataki kaj post la faktoj venki kaj ataki, kiuj donos al ni la verajn signifojn de tiuj formoj. Kaj tio sama validas por ĉiuj participoj. Se ni alkutimiĝos al tia rezonado, ni neniam plu parolus pri interesita homo, ĉar tio vere aludus homon post lia intereso, sekve jam seninteresan homon, jam ne plu interesatan homon... kaj en protokolo de okazinta kunsido neniam ni legus, ke la tagordo estis komunikita al la ĉeestintoj en la komenco de la kunsido...

En la sekvo de la instruo, estas necese unue prezenti la substantivajn participojn, kies signifo estas tre neta, kaj nur poste aliri la participojn rekte ligitaj al substantivoj, kaj lasi por la fino la participojn en la funkcio de predikativoj. Kaj nun la planado de la instruo de la participoj estas jam finita, kaj la instruisto plej trankvile povas iri al la lernoĉambro.

La plenumo de la programo estu farata per dialogoj, en kiuj la lernantoj minimume parolu tiom, kiom la instruisto, kaj per lingvaj, ne metalingvaj dialogoj. Dum la tuta kurso, ĉiu leciono havos la saman sistemon por la aktiveco de la lernantoj: unue aŭdi, poste paroli, tiam legi kaj fine skribi! Tia sinsekvo devas esti tenata dum la tuta kurso, sed kompreneble ne ĉiu leciono bezonas atingi la kvaran kaj finan ŝtupon: dum relative longa tempo la lernantoj restos kun la parolata lingvo, sekve nur en la unua kaj la dua ŝtupo.

**3. Instruo de gramatiko.**

Plej bona estus la akcepto, ke la gramatiko devas servi al la instruisto kaj ne al la lernanto, ĉar la kono de la gramatiko ne transformiĝas en konon de lingvo, kaj la kono de lingvo ne transformiĝas en konon de gramatiko: lingvo kaj

gramatiko sin ne interimplicas, se ni pensas pri la ekstera gramatiko kun reguloj kaj esceptoj kun lingvistikaj doktrinoj, kiuj ne ĉiam spegulas la realajn fenomenojn de la lingvo. Mi ekzemplu nur per la terminoj *aktiva participo*, pri kiu mi povus honeste demandi:

– ĉu la participo *fariĝinta* estas vere aktiva?...

Mi scias, ke la vortoj *aktiva* kaj *pasiva* estas nur nomoj, sed estus pli bone, se la elektita nomo iom pli vere priskribus la efektivan taskon de la nomito: mi mem parolas pri subjektaj kaj objektaj participoj, ĉar la signifo de la tri participaj paroj estas la sama kun la sola diferenco de la sintaksa klaso de substantivoj, al kiuj ili devas esti ligataj.

La propraj difinoj de la gramatikaj terminoj estas grandparte fuŝaj, ĉar ili konfuzas vortojn kaj eksterlingvajn estaĵojn (Waringhien kaj aliaj, 1981, p. 24): ***aktiv/a** [...] Esprimanta agon aŭ staton plenumatan de la gramatika subjekto [...].

Mi ne multigos la kritikojn: 1. Kia aktiveco ekzistas en stato?... 2. Kian agon povas fari gramatika subjekto, se ĝi estas nur aro da vortoj kun difinita funkcio en la propozicio?... 3. Kiamaniere stato povus esti plenumata?...

Ĉiu instruisto devas bone tamen koni la gramatikon de la unua kaj de la dua lingvo, kaj tio estas nepra bezono por la instruo de Esperanto, kiu ordinare neniam estas la unua lingvo de la instruisto, kaj do tre facile la mislingvaĵoj de la instruisto estas adoptataj de la lernantoj. Mi lamentas diri, sed instruistoj kaj lernolibroj (Tommy, 1995, p. 22) disvastigas la eraran demandon:

*Kio estas via nomo?

Tio certe estas anglismo, kaj pravigus, ke ni fingromontrus al pluraj libroj sur breto de proksima etaĝero, kaj demandus ekzemple de nia akompananto, kiu jus verkis romanon:

*Kio estas via libro?

Kaj se la alia homo estus Edmond Privat, li povus respondi per la nomo de sia bonega kaj fama libro:

– Mia libro estas Karlo.

Efektive, nur la singulara formo de la adjektiva demanda vorto servas por indiki unu el multaj estaĵoj, kiuj apartenas al la sama klaso, ĉar la substantivo estas la subjekto de tiu propozicio, kaj la pronomo estas la predikativo, spite de la opinio de gramatikistoj:

El la multaj nomoj, kiu estas via nomo?
El la multaj libroj, kiu estas via libro?

La gramatiko helpas al la instruisto ĝuste por pasigi gramatikan informon pere de ekzemploj de la instruata lingvo sen ia parolo pri la koncerna regulo: la tasko de la instruisto konsistas en tio, ke li faciligu al la lernanto la konstruon de ties propra interna gramatiko (Szanser, 1992, p. 38), kiu estas ĉiam multe pli preciza kaj taŭga ol ĉiu gramatika manlibro. Mi ja koncedas, ke ni ne

bezonas esti ekstremismaj, se ni tamen plene konscias, ke la gramatiko estas nur skafaldo, kiun masonisto malmontas post la konstruo, nur lambastono, kiun akcidentito ĝoje forjetas, kiam li jam povas paŝadi senĝene... Gramatikon ni utiligas, dum ni lernas, kaj poste ni povas ĝin tute forgesi, sen ia plej malgranda perdo!

La gramatiko de lingvo estas necesa nur por la teknika kono de la lingvo, sed ne por ĝia utiligo, kaj ĝi do estas ne la celo de la lingvoinstruo, sed nur unu el la eblaj rimedoj. ĝi valoras nur en la okazo, ke ĝiaj reguloj efektive permesas la kontrolon de tekstoj produktitaj kaj produtaktaj per la garantio de ilia konformeco al la tradicio kaj al la kohereco de la lingvo. Se mankas al ĝi tia fideleco al la lingvouzo, ĝia apliko dum la instruo fatale portos la lernanton al malfacile forsarkeblaj eraroj.

La horo de la aperigo de gramatikaj reguloj dependas de la adoptita metodo kaj de la graveco atribuata al ĝi de la instruisto:

1. La gramatiko antaŭas al la lingvoinstruo.
2. La gramatiko samtempas kun la lingvoinstruo.
3. La gramatiko postas al ĉiu punkto de la lingvolerno.

La instruo de la latina sekvis la unuan momenton: multaj bonaj latinistoj unue parkeris la deklinacion, kaj poste estis ekzercataj per tekstoj. La homa cerbo estas tamen mirinda maŝino, kiu kapablas lerni eĉ per mizera metodo, se nur ĝia posedanto volas alproprigi al si novan scion: eĉ per la laciga sinsekvo de parkerenda gramatiko por postaj lego kaj traduko. La dua momento de la gramatiko aperas en la bonega materialo de la Internacia Esperanto-Instituto (Tommy, 1995), kvankam la lingvo prezentas kelkajn erarojn: temas pri samtempa gramatika, ĉar tuj post kelkaj linioj da teksto venas gramatika instruo kaj en la filmo kaj en la libro[1]. La tria momento de la gramatiko devas aperi tre malfrue, kiam la lernanto ne plu bezonas ĝin, ĉar li jam perfekte scias la uzon de difinita lingvero. En tiu fazo de la instruo, la gramatiko estas vere utila, ĉar ĝi estas plifirmigo de la jam havata lerno. (*Fino*)

**Aldonoj:**

1. Teksto de la unua leciono por brazilanoj en koresponda kurso (Mattos, 1999a, p. 13):

Mi estas fraŭlino Maria Baena.
Mi loĝas en la bela urbo Brazilio.

---

1 La kurso, apogata en la novelo pri Mazi en Gondolando, estas adapto de angla originalo, kiu korekte prezentas unue la substantivojn en la funkcio de rekta objekto kaj nur poste la personajn pronomojn, kiuj havas apartajn sintaksajn variantojn. En Esperanto, la sinsekvo devus esti alia: unue, la pronomoj en la funkcio de rekta objekto kun siaj sintaksaj variantoj, kiujn multaj lingvoj posedas, kaj nur poste la substantivoj.

Mi skribas al multaj amikoj ekster Brazilo.
Mi skribas al ili en Esperanto.
Ili demandas min pri mia lando.
Mi demandas ilin pri ilia lando.
Unu el ili estas Doktoro Asajiro Oka.
Doktoro Asajiro Oka loĝas en Tokio.
Li nun venas al Brazilo.
Li venas al Brazilo por viziti min.

2. Vortareto, parolekzerco kaj teksto de parto de la unua leciono de kurso pri la latina por brazilanoj (Mattos, 1989, p. 7-9):

*Inventio vocabulorum:*

| | |
|---|---|
| Virgilius | Nomen masculinum |
| Caecilia | Nomen femininum |
| Sponsus | Promptus ad matrimonium |
| Sponsa | Data ad matrimonium |
| Agricola | Agricultor vel colonus |
| Vicinus | Proximus |
| Valde | Multa quantitate |
| Homines | Entes rationales |
| Caecilia | Homo et mulier |
| Virgilius | Homo et vir |
| Casa | Virgilius est |
| VirgiliiCasa | proprietariusCaecilia |
| Caeciliae | proprietaria est |

*Exercitium sermonis:*

1. Quid est sponsus?
   – Sponsus est promptus ad matrimonium.
2. Quis laborat ein campo?
   – Vir laborat in campo.
3. Ubi laborat vir?
   – Vir laborat in campo.
4. Quid est sponsa?
5. Quis laborat in sua casa?
6. Ubi laborat mulier?
7. Ubi agricola laborat?
8. Ubi habitat familia?

*Recitatio textus:*

Virgilius Romanus est.
Caecilia Romana est.

Virgilius sponsus Caeciliae est.
Caecilia sponsa Virgilii est.
Virgilius et Caecilia sponsi sunt.
Virgilius altus est.
Caecilia alta est.
Virgilius et Caecilia alti sunt.
Casa Virgilii in campo est.
Virgilius agricola est.
Casa Caeciliae vicina est.
Virgilius in campo laborat.
Caecilia in casa laborat.
Virgilius et Caecilia valde laborant.

**Bibliografio**

LA NOVA TESTAMENTO. Londono: Brita kaj Alilanda Biblia Societo, 1984. 225 p.
MATTOS, G. *Iter Latinum*. Chapecó: FONTO, 1989. 211 p.
MATTOS, G. *Dicionário Júnior*. São Paulo: FTD, 1995. 559 p.
MATTOS, G. *Metodo Mattos de Esperanto*. Chapecó: FONTO, 1999a. 240 p.
MATTOS, G. *Apartaj mondoj: verboj kaj participoj*, dua eldono. Chapecó: FONTO, 1999b. 88 p.
PRIVAT, E. *Karlo*. Rio de Janeiro: Brazila Ligo Esperantista [nuna Brazila Esperanto-Ligo], s/d. 43 p.
SZANSER, I. *Teorio kaj praktiko de lingvo-instruado*. Budapeŝto: Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj, 1992. 170 p.
TOMMY. *Mazi en Gondolando*. Den Haag: Internacia Esperanto-Instituto, 1995. 159 p.
WARINGHIEN, G. kaj aliaj. *Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto*, represo de la dua eldono. Paris: Sennacieca Asocio Tutmonda, 1981. 1303 p.

*Geraldo Mattos,*
*Rua Dr. Joao Motter, 98, BR 81210-260 Curitiba PR, Brazilo*
*mattos@super.com*

# Nova sekretario ekagos

La elekto-komisiono anoncas la rezulton de la voĉdono por sekretario de ILEI. Tri kandidatoj prezentis sin: Charles Donoghue (Usono), Mariana Evlogieva (Bulgario) kaj Peng Zhengming (Ĉinio). La komisiono ricevis 17 validajn voĉojn, el kiu 13 estis por Mariana Evlogieva, kiu estas elektita.

La estraro kore dankas al ĉiuj kandidatoj, kaj kore invitas al la neelektitoj kontribui en la laboro de la Ligo. Ni invitos ilin ekesti komisiitoj por fakoj pri kiuj ili kompetentas. La estraro ricevis kritikon de la nederlanda sekcio pri la balotada proceduro, kiu laŭstatute devas esti sekreta. Ili opinias, ke tiu sekreteco devas inkluzivi eĉ la estron de la elekto-komisiono, kiu nombras kaj kontrolas la

validecon de la voĉoj. Sekve, la estraro akceptas, ke Mariana estu nomita "aganta" sekretario, kaj ŝia nomigo estu konfirmita per refoja voĉdono de la komitato en Kvinpetalo, kune kun la ceteraj elektoj tie okazontaj. Se en Kvinpetalo la komitato ne estos kvoruma, la elekto-komisiono organizos ĉiujn necesajn estrar-elektojn per sekreta fizik-poŝta baloto, organizota laŭ du-koverta sistemo, laŭ proceduro anticipe konsentita kun la nederlanda sekcio kaj la elekto-komisiono.

En februaro demisiis estrarano Antonio Leoni de Leon, kiu pro profesiaj kaj familiaj kialoj, ne plu havas tempon plenumi estrarajn taskojn. Estrarano Carla de Lorenzi anoncis, ke ŝi retiriĝos el la estraro en Kvinpetalo. Sekve, estas jam nun unu vaka estrara loko, kaj estos dua. Unuavice serĉataj estas kandidatoj kapablaj okupiĝi pri instruista trejnado, metodikaj seminarioj kaj/aŭ universitata agado.

La (ret)adreso de la nova sekretario aperas sur la dua kovril-paĝo. Kiel eble plej urĝe ĉiu sekcio bonvolu sendi al Mariana sian membro-liston por 2000. Tio estas bezonata por plenumi la ekspedon de ĉi tiu numero de IPR. (*Smg*)

# Eroj el la Jarraporto de ILEI 1999

## Ekzamenoj

En 1999 aliĝis 8 novaj ekzamenantoj al la Internacia Rajtigita Ekzamenantaro (IRE), kaj en 2000 jam 5. IRE nun nombras 61 ekzamenantoj en ĉiuj kontinentoj. Ni daŭre strebas al pliaj ekzamenantoj, precipe en landoj, kie ne troviĝas tiuj.
Jen la rezultoj: la unua numero montras la nombron de la kandidatoj en la antaŭtesto, la dua la nombron de la ekzameniĝintoj kaj tria la nombron de la sukcesintoj.

| *Nivelo:* | *elementa* | | | *meza* | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| *Loko, lando* | | | | | | |
| San Francisko, Usono (SFSU) | 1 | 1 | 1 | 1 | 1 | 1 |
| Castellon, Hispanio (HEK) | | | | 1 | 1 | 1 |
| Berlino, Germanio (LIBE-k.) | 1 | 1 | 1 | 2 | 2 | 2 |
| Berlino, Germanio (UK) | 6 | 5 | 4 | 8 | 6 | 6 |
| Antananarivo, Malagasio | 4 | 1 | 0 | 2 | 2 | 2 |
| Lome, Togolando (sep.) | 5 | 5 | 3 | | | |
| Lome, Togolando (dec.) | 17 | 7 | 7 | 5 | 4 | 3 |
| **El 7 sesioj en 5 landoj** | **34** | **20** | **16** | **19** | **16** | **15** |

*Hans ten Hagen*

## Libro-eldonado

| Verko | Jar-komenca stoko (Bp) | Dumjaraj ricevoj | Ven-doj | Donace, varbe | Jarfina stoko (Bp) | Stokvaloro EUR |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Tendaraj tagoj 1 | 162 (125) | 35 | 81 | 12 | 104 (26) | 66.20 |
| Tendaraj tagoj 2 | 272 (245) | - | 39 | 24 | 209 (156) | 175.56 |
| Tendaraj tagoj 3 | 621 (511) | - | 34 | 45 | 542 (418) | 487.80 |
| Okulo: Berlina eldono | - | 125 | 63 | 33 | 29 (29) | 20,30 |
| Okulo 1 | - | 675 | 139 | 40 | 496 (496) | 446,40 |
| Rommesmo | 488 (408) | - | 9 | 36 | 443 (403) | 354,40 |
| Szanser | 32 (20) | 30 | 10 | 2 | 50 (2) | 70,00 |
| Pasporto (1-4) | 100 | - | 18 | 1 | 81 (71) | 72,90 |

Sekve, ni vendis de la Budapeŝta libroservo 393 librojn, kompare kun 346 en la antaŭa jaro, fakturinte ĝis ronde 570 EUR. La suma stokvaloro de niaj libroj jarfine estis 1693.56 EUR. La plimulto de tiu stoko kuŝas en Hungario (1574 el 1907 libroj). En 1999 la Ligo pagis al IEI 450 EUR por stoki librojn kaj malnovajn numerojn de IPR. Tiun pagon ni plue ne povos permesi al ni. IPR estos forigita, IEI fariĝas komisia vendanto de niaj libroj, ricevanta maklerajôn kontraŭ la stokado.

**Nova libro:** La 44-paĝa unua kajero de nova lernilo por junuloj ***Okulo*** estis nia nova eldonajo en 1999. Ĝi estis verkita serve al „Interkulturo". La plimulto de la stoko, 2206 ekz., estis liverita en januaro 2000. Aperis ankaŭ provizora versio (nur 30 ekz.) de ekzercoj por lecionoj 5 kaj 6 de la vidbendo "Pasporto al la tuta Mondo", kiu ne eniris nian inventaron.

Necesas emfazi, ke prizorgi la ligan libroservon ne estas tasko, kiu nepre aŭ ofice apartenas al la estrarano respondeca pri eldonado. Ĝi bezonas pli da flegado kaj tempo ol la nuna plenumanto povas dediĉi. Sekve, bonvenas sinpropono de iu preta stoki, prizorgi, kaj inventari la stokojn (nun ĉ. 250 kg), reklami la librojn, akcepti, fakturi kaj postkontroli mendojn, pakante kaj sendante la librojn. La nuna prizorganto ripetas sian atentigon, ke kvankam li evidente zorgadas kiom eble pri la sekureco de la stokoj, li ne povas persone akcepti financan respondecon pri tio. *Prizorganto: Stefan MacGill*

## Juna amiko

La jaro 1999 estis rekorda por nia tutmonda lernejana gazeto. Feste al la 25-jara jubileo de la revuo, la unua numero de la jaro havis duoblan amplekson kaj kiel antologio prezentis aparte bonajn erojn el la antaŭa kvaron-jarcento. Tiun numeron vendas la libroservoj de UEA kaj ILEI kiel aparta eldonajo.

Spite signifan kotiz-altigon komence de 1999 okaze de transiro al plenkoloraj kovriloj, la nombro da abonoj kreskis ĝis 1936, la plej alta sumo de post 1990, kiam forfalis la socialisma amas-merkato. Feliĉe, nova amaso anstataŭis la antaŭan: Brazila Esperanto-Ligo faris kuraĝan decidon kaj abonigis ekde 1997 sian tutan membraron. Sekve, la plimulto de la legantoj troviĝas ekster Eŭropo. Tion spegulas kreskanta vario en la enhavo de la revuo. Kiel ĉiam, sub gvido de redaktoro Géza Kurucz, la eroj estas mallongaj, ilustritaj kaj en facile legebla lingvaĵo. Dum la jaro la IĈLM-rubriko por etuloj ricevis novan nomon "La unua etaĝo." La revuo havas hejmpaĝon, kiu interalie prezentas liston de la senglose uzataj vortoj, kun tradukoj en kelkaj naciaj lingvoj. Vizitu la TTT-ejon: www.banyai-kkt.sulinet.hu/esperanto

## EVOLUO DE PAGITAJ ABONOJ por JUNA AMIKO 1994 - 1999




| | 1994 | 1995 | 1996 | 1997 | 1998 | 1999 |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Plentarifaj (T1) | 405 | 363 | 463 | 403 | 401 | 365 |
| Brazilo | 36 | 111 | 118 | 808 | 723 | 1041 |
| Rabat-tarife | 552 | 666 | 569 | 615 | 647 | 530 |
| SUME | 993 | 1140 | 1150 | 1826 | 1771 | 1936 |

La dek elstaraj landoj de 1999 estis: Brazilo (1041), Togo (80 averaĝe, varias tra la jaro), Ĉinio (66), Italio (65), Hungario (60), Kroatio (50), Francio (49), Usono (42), Litovio (35), Svedio (33). Meze tricent pliaj ekzempleroj estas distribuataj varbe, ofice, reciproke aŭ senpage. La gazeto eniras 82 landojn, al multaj landoj ni liveras ĝin je aŭ sub la kost-prezoj.

Pro tiu rekordo, la administra laboro kreskis multe; certe nia estas la plej granda E-gazeto prizorgata sen profesia stabo kaj oficejo. Dum 1999 la rilatado kun perantoj grandparte transiris al komputila mesaĝado, kaj eĉ la elektrona transigo de abonmendoj. La distribuon nun plenumas privata kompanio, kostante meze 12% malpli ol la poŝto, kaj prenante la gazetojn de la pakejo. Dum la jaro okazis 27 forportoj kun sume ĉ. 450 kg. Pro limigitaj laborfortoj, unu ekspedo daŭras inter 3 kaj 5 semajnoj.

La sekva tabelo resumas la administrajn laborojn, indikante, kiel tio estonte povus esti plenumita per eta teamo. Se iu opinias sin kapabla kaj preta prizorgi parton de la laboro, bonvolu anonci sin, ĉar tiu laboro ne ofiĉe devas aparteni al la estrarano pri eldonado.

| Tasko | Tempo (horoj/jare) | Disdivido |
|---|---|---|
| Varbado | Min 20; dezirinde 50 | A |
| Rilatoj kun perantoj | 40 | B |
| Adresara prizorgo | 80 | B |
| Eksped-pretigo | 30 | C |
| Eksped-plenumo | 200 | C+helpantoj |

Pro la neatendita kresko en la abonoj, kaj la kostoj kaj la enspezoj kreskis kompare kun la buĝeto. Feliĉe, la revuo liveris utilan netan enspezon por la Ligo.

La sekvaj tabeloj prezentas ronde la kostojn kaj enspezojn rilatantaj al la kotiz-kaj eldonjaro 1999. Ili diferencas de la oficiala financa rezulto, kiu registras spezojn okazintaj en 1999 (ekzemple tio inkluzivas numeron 98/4 sed ne inkluzivas 99/4). Kelkaj el la enspezaj sumoj indikitaj sube restas ŝuldataj. Nebuĝetitaj kaj agrablaj surprizoj rezultis el la 1041 abonantoj en Brazilo, kaj el la donacoj, ĉefa el kiu (mil dolaroj) alvenis kadre de testamento. Ni kore dankas al la familio de Alice B. Harris pro tiu korvarmiga kaj kuraĝiga faro.

| **Kostoj (EUR)** | **Buĝeto (K.Vary)** | **Rezulto** |
|---|---|---|
| Presado | 2741 | 3116 |
| Afranko | 2587 | 3758 |
| Materialoj/transporto | 150 | 66 |
| Honorarioj | 197 | 194 |
| Varbilo/varbado | 121 | 114 |
| *SUME* | *5795* | *7247* |
| **Enspezoj** | **Buĝeto** | **Rezulto** |
| Tarifo 1 | 2483 | 2730 |
| Tarifo 2 | 2287 | 4470 |
| Tarifo 3 | 898 | 736 |
| Donacoj | | 965 |
| *SUME* | *5668* | *8901* |
| **Rezulto** | **-127** | **+1654** |

Ni kore dankas al ĉiuj perantoj, kontribuintoj, ilustristoj, pak-helpantoj kaj aliaj, kiuj kontribuis al ĉi tiu elstare sukcesa jaro.

*Stefan MacGill, administranto*

## Kursoj

En Widnau (Svisio) dum la sepa kongreso de la Eŭropa Vegetarana Unio de la 13a ĝis la 23a de julio 1999, okazis, por la unua fojo, kurso de Esperanto gvidata de Carla De Lorenzi laŭ la rekta Cseh-metodo kaj la vidbenda kurso Mazi. La oficiala lingvo estis la angla, kun traduko en la germana. Partoprenis 300 personoj el 30 landoj. En la fino, ankaŭ la organizantoj, ne nur la partoprenantoj, montris entuziasman intereson kaj pere de la "Jarlibro" oni povis informi pri la lokoj, kie ili povas daŭrigi la studadon.

En Cambrils (Tarragona) Katalunio, Hispanio, de la 2a ĝis la 9a de oktobro okazis la "Sepa Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo" (sub la aŭspicioj de la Hispana Esperanto-Muzeo). Carla De Lorenzi gvidis paroligajn kursojn: por komencantoj laŭ rekta Cseh-metodo kaj Mazi, kaj por progresantoj per la libro "Kunvojaĝu" de Paul Gubbins. *Carla de Lorenzi*

## Financa raporto

| Rimedoj | EUR | Kostoj | EUR |
|---|---|---|---|
| Membrokotizoj | 5487:00 | IPR | 5628:00 |
| Eldono | 232:00 | Afranko, tel, fakso | 1080:00 |
| Libroj | 269:00 | Kopiado, materialo | 563:00 |
| Konferenco | 918:00 | Ekzameno | 26:00 |
| Juna Amiko | 1419:00 | Ĉambroluo | 454:00 |
| Interezo | 19:00 | Fakaj kotizoj | 143:00 |
| Div. | 630:00 | Estrarkostoj | 1002:00 |
| | | Bankkostoj | 78:00 |
| | 8974:00 | | 8974:00 |

### Bilanco 1999-12-31

| Aktivo | | Pasivo | |
|---|---|---|---|
| Kaso | - 28:00 | Koleghelpa konto | 131:00 |
| Banko: | 2713:00 | Fonduso Szerdahelyi | 359:00 |
| SEB, Spar, PG | | | |
| UEA, ilek-a | 2249:00 | Fonduso Dazzini | 738:00 |
| JA - junal-l | 438:00 | Fonduso Erika Linz | 514:00 |
| Fondusoj | 2362:00 | Interkulturo | 257:00 |
| Nepagitaj fakturoj | 81:00 | FEL | 620:00 |
| Kredito | 5208:00 | | |
| Stoko eldonoj | 580:00 | | |
| Stoko libroj | 3998:00 | | |
| Oficejaj iloj | 607:00 | | |
| | | Propra kapitalo | 15589:00 |
| | 18208:00 | | 18208:00 |

| Fonduso Erika Linz | SEK | |
|---|---|---|
| Saldo 1998-12-31 | 140835:06 | |
| Donaco | | 21:36 |
| Interezo | | 4400:00 |
| Interezo | | 427:89 |
| Stipendio | - 5162:81 | |
| Bankkosto | - 166.99 | |
| Saldo 1999-12-31 | | *140333:15 |
| | | 140333:00 |

* Nominala valoro de obligacio 40000:-

| Fonduso Szerdahelyi | SEK | |
|---|---|---|
| Saldo 1998-12-31 | 10853:74 | |
| Donaco | | 3076:99 |
| Interezo | | 88:46 |
| Šuldo de ILEI 1998 | - 1640:65 | |
| Korekto | - 1278:00 | |
| Eldono de lernolibro | - 3920:00 | |
| Bankkosto | - 10:96 | |
| Saldo 1999-12-31 | | 7169:58 |
| | | 7170:00 |

| Kaso Dazzini | SEK |
|---|---|
| Saldo 1998-12-31 | 2918:65 |
| Donacoj | 3376:97 |
| Interezo | 28:92 |
| Saldo 1999-12-31 | 6324:54 |
| | 6325:00 |

| Koleghelpa Konto | SEK |
|---|---|
| Saldo 1998-12-31 | 37:09 |
| Donacoj | 271:86 |
| Loterio, Karlovy Vary | 817:30 |
| Saldo 1999-12-31 | 1126:25 |
| | 1126:00 |

**Juna Amiko**

| Rimedoj | | Kostoj | |
|---|---|---|---|
| | EUR | | EUR |
| Abonoj | 9708:00 | Presado | 2760:00 |
| Prunto de ILEI | 5208:00 | Afranko | 3235:00 |
| | | Materialo | 41:00 |
| | | Honorario | 170:00 |
| | | Transporto | 12:00 |
| | | Bankkosto | 30:00 |
| | | Gajno | 1419:00 |
| | | Saldo | 7249:00 |
| | 14916:00 | | 14916:00 |

| **Konferenco 1999** | SEK | |
|---|---|---|
| Kotizoj | 90796:84 | |
| Kostoj | | - 83068:12 |
| Gajno | | 7728:72 |
| | 90796:84 | 90796:84 |
| | 90797:00 | 90797:00 |

| **IPR 1999** | EUR |
|---|---|
| Presado (1/3-99), 98/4 | 1314:31 |
| (23/1-00), 99/1-3 | 2489:07 |
| Ekspedo(23/1-00) | 1257:39 |
| Honorario(15/11-99) | 504:00 |
| Kompenso (17/4-99) | 25:05 |
| (29/4-99) | 38:20 |
| Sumo | 5628:02 |
| | 5628:00 |

**Rezulto de Interkulturo 1999**

| Rimedoj | | Kostoj | |
|---|---|---|---|
| | EUR | | EUR |
| Buĝetita sumo | 1168:00 | Okulo-presado | 1257:00 |
| Donacoj(piek-b) | 594:00 | Administrado | 35:00 |
| | | Cirkulero | 213:00 |
| | | Saldo | 257:00 |
| | 1762:00 | | 1762:00 |

## Listo de donacintoj

*Interkulturo pike-b:* Raita Pyhälä, Jenny Bishop, Nederlanda sekcio de ILEI
*Kaso Dazzini:* Bertil Andreasson, Jenny Bishop
*Koleghelpa kaso:* Bertil Andreasson
*Fonduso Szerdahelyi:* Bertil Andreasson
*Membreco:* Bertil Andreasson, Boo Mee Kim-Lindblom

Dankon, al ili!

*Boo Mee Kim-Lindblom*

## Konferencoj

33a en Karlovy Vary 7-13/08 /99. Temo: *Edukado al la Paco.* 57 partoprenantoj el 24 landoj ĝuis amikan etoson kreita de Stanjo kaj Petro Chrdle kaj ilia bonkora teamo ĉe la domo de la junularo en Karlovy Vary, Ĉeĥio. La programo konsistis el du partoj: unue la prestiĝa Metodika Seminario kun prelegoj de spertaj pedagogoj, Geraldo Mattos, Ilona Koutny kaj Márta Kovács, sekvita de Cseh seminario C. En Cseh seminario C gvidita de Atilio Orellana Rojas sukcese diplomiĝis 4 instruistoj el 4 landoj . En la programo paralele okazis enkonduko

al ILEI-Projekto Interkulturo de Maŭro la Torre kaj ĝuitaj aktivigaj sesioj de Mireille Grosjean kaj Sabine Trenner.
Marde la tuttaga ekskurso sperte prizorgita de lokaj esperantistoj gvidis al la ĉarma mezepoka Kastelo Loket kaj poste al la bela banurbo Marianske Laznje. Vespere eblis aŭ baniĝi aŭ rigardi videobendojn de Togolando kaj Aŭstralio.
La Komitato konsistante el 12 reprezentantoj sukcese pritraktis la plej gravajn tagorderojn sed por ebligi tion la estraro ofte devis kunsidi malfrue nokte.
En la lastaj tagoj partoprenantoj aŭskultis la spertojn de tre interesaj kaj diversaj kolegoj, Petro Chrdle pri E-lernolibro en la ĉeha lingvo, Mihai Trifoi pri la defioj de instruisto en Rumanio kaj Lawrence Mee pri antonimoj kaj sinonimoj.
Je la fino, antaŭ tre amuza anekdoto de Stefan MacGill kaj belega folklora festdancado ĉiuj bone festmanĝis kaj poste ĝuis oficialan prezentadon de diplomoj kaj donacoj kaj bonvenigon al nova Kasistino de ILEI, Boomee Kim Lindblom. Sekvis aparta prezento de donaco al estimataj Bertil kaj Lisbet Andreasson post la longa kaj sindediĉa dejorado de Bertil kiel Kasisto.
Nun, jam preskaŭ unu jaro post tiu neforgesebla evento, ĉiuj partoprenintoj, legante ĉi tiun raporton nepre rememoros la gajan personecon de Stanjo Chrdlova kiu trapenetris la tutan periodon de la Konferenco. Kun granda sento je perdo al Esperantio pro ŝia forpaso frue ĉi-jare ni denove kondolencas al Petro kaj al iliaj familioj.
34a Konferenco ĉe Kvinpetalo, Bouresse, Francio, 15-21/07/00 ankoraŭ akceptas pli da aliĝontoj. Bonvolu sin anonci al la kasisto antaŭ la fino de junio. La alloga temo, *Lingvolernado serve al Interkultura Edukado* certe invitas partoprenadon.
35a Konferenco en Kroatio: kiel normale la konferenco okazos tuj post 86a UK en Zagrebo kaj situos en bela regiono apud la maro. Pliaj detaloj haveblos dum la Konferenco ĉe Kvinpetalo sed menciindas ke plejverŝajne okazos samtempe gimnazio/staĝo por gejunuloj. Dum tiu periodo estas ankaŭ planitaj en la sama regiono Konferenco de la Akademio kaj Renkontiĝo de Internacia Rondo Familia.
Por la 36a Konferenco propono es志reble prezentiĝos dum la 34a Konferenco ĉe Kvinpetalo. Intertempe se landa sekcio, speciale brazila konas taŭgan lokon kun konferencejo kaj deziras sin proponi kiel organizanto de nia Konferenco, bonvolu skribi al Jennifer Bishop. *Jennifer Bishop*

## Sekciaj raportoj

### Aŭstralio

La plej grava evento, Aŭstralia Esperanto Somerkursaro, okazis januare kaj allogis por dusemajna restado pli ol 80 aliĝintojn el ĉiuj kontinentoj kaj el 7 landoj. Instruis Atilio Orellana Rojas de Internacia Esperanto Instituto, AR/NL, Marcel Leereveld, NL/AU, Franciska Toubale, FR/AUS, kaj (Jau) Frimpong Badu (GH). Vizitis por varbi partoprenantojn al 2-a Azia Kongreso en Hanojo, Boi Ngoc Hoang (VN).

Sukcesis en la ekzamenoj de AEA ekzamenkomitato je la baza nivelo - 6, je la elementa nivelo - 2, je la meza nivelo – 9, je la supera nivelo - 1, je la alta nivelo - 2 kaj je la klereca nivelo - 0. Krom dumjara lernado ĉe la 13 diversaj kluboj kaj grupoj, aktivas Korespondkursa Servo de AEA. 7 homoj aĉetis 9 korespond-kursojn. Plejparte enketoj venis rete kaj kelkaj lernantoj utiligas la kurson de Ian Fantom (GB) <*www.esperanto.org/espviva*>. Interretkurso senpaga enkondukita de la Esperanto-Societo de Suda Aŭstralio ĉe www.ozemail.com.au/~esperanto allogis 10 homojn el ses landoj inter kiuj tri finis la 10 lecionojn.
Nova videokurso estis haste preparita por montri unue en komunuma televidkanalo en Okcidenta Aŭstralio. Ties rezulto aperos en la venonta raporto.
Instruado ankaŭ al grupoj de infanoj troviĝas ĉe la Universitato de Suda Kvinslando kaj ĉe Montessori lernejo en Nov-Sud-Kimrio. Tiel montriĝas, ke kvankam ne grandnombre, instruistoj tre ruze serĉas la plej efikajn manierojn oferti lecionojn de Esperanto en Aŭstralio.

Por informi la asocion de lingvoinstruistoj de Viktorio pri Esperanto, Melburna Esperanto Societo pagis komercan sumon por munti buntan ekspozicion ĉe Kongreso de Lingvoinstruistoj. Krom ricevi informon kaj rigardi diversajn librojn eblis ankaŭ rigardi la bonajn videokursojn, 'Mazi en Gondolando' kaj 'Esperanto - Pasporto al la tuta mondo'. Interese ke instruistoj petis informon por siaj propraj infanoj, kiuj ofte demandas pri Esperanto!

## Belgio

La sekcio havas 29 membrojn (inter ili 7 estas franclingvanoj kaj 22 nederland-lingvanoj). Kursoj okazis en Bruselo, Antverpeno, Gent, Kalmthout kaj Oostende. Jen la plej gravaj de ili: En Bruselo deko da personoj partoprenis la perkorespondan kurson „Dek rendevuoj kun Esperanto" kaj 4 kursanoj sekvis paroligan kurson surbaze de la lernolibro de „Gubbins: Vojaĝu kun ni".
En Antverpeno – kun 3 kursgvidantoj – okazis oficiala kurso en la urba vesperlernejo, kursoj por infanoj kaj pliaĝuloj, semajfina kurso, kaj Maratona Konversacio dum 2 tagoj. En Gent okazis intensa vesperkurso kun 10 partoprenantoj surbaze de la kursmaterialo „Praktiku kun ni Esperanton", kaj paroliga kurso kun 4 personoj surbaze de la kursmaterialo „Gerda malaperis". En Kalmthout oni organizis 15-semajnan kurson kun la lernolibro „Esperanto snel assimileren". En Oostende, en du bazlernejoj lernas E-on 27 geknaboj kun la gvido de Else Huisseune kaj Raymond Wylleman. Okaze de la Tago de Internacia Amikeco oni organizis renkontiĝon kun la lerneja grupo de Monique Noel el Boulogne, Francio. La du menciitaj lernejoj aliĝis al la virtuala lernejo Tibor Sekelj. En Oostende, krome, okazas 4-persona kurseto por mezlernejanoj, kaj kelkaj kursoj por plenkreskuloj.

## Brazilo

La sekcio havis 26 plenaĝajn kaj 5 junulajn membrojn. Okazis kvar kunsidoj, ĉiu dividiĝis en du partojn: a) ILEI kaj Esperanto, b) malfacilaĵoj en la Esperanta gramatiko. La *Eldonejo Amikoj de Esperanto* daŭre eldonas la sekcian bultenon, *Milde*. La sekcio helpas la spiritisman movadon en la instrua kampo.
Kurso-finintoj en 1999 (inter krampoj vi vidas, kiom da personoj komencis la kursojn): baza: 956 (1348), mezgrada: 689 (869), supera: 103 (147), instruista: 21 (42). La kursoj okazis en E-societoj, spiritismaj societoj, privataj lernejoj kaj en universitato. Escepte de unu privata kurso, ĉiuj kursoj estas nedevigaj.

## Britio

La agado de Esperanto Teachers' Association (ETA, la brita sekcio de ILEI) dum 1999 multrilate estis influata de tiu de la Esperanto Asocio de Britio, nome multaj homoj estas membroj de ambaŭ asocioj kaj la du organizoj dividas la saman oficialan adreson. Dum 1999 EAB realigis sian longe pripensitan decidon vendi la oficejon/vendejon/bibliotekon en Londono por liberigi kapitalon por povi pli bone plenumi ĝiajn statutajn devojn. Ne plu validas la adreso en Holland Park Avenue, sed nun por ambaŭ asocioj oni uzu la provizoran adreson: *201, Felixstowe Road, IPSWICH, IP3 9BJ.*
Kiel dum la antaŭa jaro, multe de la agado rilatis al '*Urso-Kurso*': krom la daŭraj taskoj rilate al reklamado kaj vendado, iom kreskis la bonvena tasko de korektado kaj dissendado de materialo. Novaĵo estas la nun regule aperanta bulteneto por lernantoj/gepatroj, '*Bear Facts*', kiu servas kiel ligilo inter tiuj kaj la organizantoj de la kurso, kaj ankaŭ donas regulajn eblecojn al la infanoj partopreni en premiotaj konkursetoj.
Trian fojon okazis dum januaro seminario ĉe *Wedgwood Memorial College, Barlaston.* Pri tiu seminario jam aperis raporto en IPR 99/2, kiel ankaŭ pri la maja jarkunveno.
Bedaŭrinde, la prognozoj de tiu kunveno realiĝis dum la jaro: ja mankis (kaj daŭre mankas) nova redaktoro de la revuo, tiel ke la prezidanto devis simple prepari novajleterojn, kiuj laŭ lia propra pritakso ne bone servas al la membroj. Komitatkunvenoj ne sukcese okazis, precipe pro la troa tempopremo kiun spertis la komitatanoj pro profesiaj kaj aliaj esperntistaj devoj.
Du sukcesoj el 1999 meritas mencion: unu nova iniciato – semajnfina kurso dunivela okazis dum februaro en la apudmara Felixstowe, Suffolk. La organizantoj, Angela Tellier kaj Roy Simmons, multege laboris por sukcesigi tre ĝuindan eventon sub la titolo 'Kontrabandistoj'; la instruistoj, Malcolm Jones kaj Fraser Dunbar, ĝuis la amikan etoson kaj la defion prezentitan de la kadra temo; lokaj gazetoj kaj radio informis la publikon pozitive. La dua sukceso estas nun kutima afero – jam la 39a Somerlernejo ĉe Barlaston kun internacia partoprenantaro kaj instruistaro. Planata jam estas la jubilea, 40a Somerlernejo kun aparta, festa semajnfino.

La brita movado esperas trovi daŭran hejmon ĉe tiu longe uzata kursejo, kaj la sekcio esperas pri novaj energio kaj forto, kiam ĝi havos stabilajn cirkonstancojn. Por la baldaŭ estonteco tamen, ŝajnas, ke la mankoj de tempohavaj homfortoj kaj de financaj rimedoj bedaŭrinde bremsos agadon.

## Ĉeĥio

La 12an - la 14an de marto la sekcio organizis en Prago paroligan kurson por gelernantoj de korespondaj kursoj. Partoprenis 12 esperantistoj, kiuj laboris en du grupoj. Kvin komencantojn gvidis Stanislava Chrdlová, sep progresintojn gvidis Lucie Karešová kaj Petr Chrdle. La progresintoj havis eblecon konversacii ankaŭ kun la anoj de Praga E-klubo, kiuj vizitis nian kurson. Pro sukceso oni daŭrigos tiun agadon en tiu ĉi jaro.
Ĉar malnova versio de koresponda kurso ne taŭgis, la aŭtoro Josef Cink jesis, ke li reverkos ĝin. Li uzis komputilon kaj laboro progresis sufiĉe rapide, ĉar li povis konsulti la tekston kun kunlaborantoj rete. Pro tio oni povis jam dum la jaro 1999 sendi al gelernantoj novan korespondan kurson. Bedaŭrinde aliĝis malmultaj interesiĝantoj, la kurso bezonas pli da reklamado.
En la kunlaboro kun profesia kongresa kaj kleriga entrepreno de Petro Chrdle KAVA - PECH laboris kelkaj anoj dum la konferenco ILEI en Karlovy Vary kiel helpantoj.

## Finnlando

ELFI havas 29 membrojn. Kunsido okazis nur unu fojon, gravas la retpoŝtaj kaj telefonaj kontaktoj. La ĉefa kontaktilo, kiu atingas ĉiujn membrojn, estas la informbulteno *Interligilo* (1-2 folioj), kiu aperis 4-foje.
La sekcio okazigis edukan semajnfinon por instruantoj kun d-rino K. Smidéliusz kiel instruisto. Partoprenis 6 instruemuloj, sed el ili nur 2-4 daŭre instruas. La kursoj ĝenerale estas mallongaj kaj klubecaj, ofte vesperaj. Okazas pluraj kursetoj, kies instruantoj estas ne-ELFI-anoj, tamen ELFI helpadas kiam ajn kaj kiun ajn. Ekzemple la plej novaj interesiĝoj pri E-o okazis ekster ELFI: Interkulturo-klaso en Enontekö kaj fervora studrondo en Taivalkoski. ELFI helpadas ilin per konsiloj, materialo kaj tradukado.
La sekretario partoprenis *Tagon de la lernejo* en Berlino kaj reprezentis ELFI-n en Informa seminario de EAF. Ŝi redaktas kaj enpoŝtigas la Interligilon. La sekciestro finnigis la lernolibron *Al paco kaj egaleco per Esperanto de Lars Forsman*, uzatan en Karlskoga sed taŭgan por memlernantoj kaj studrondoj. La publikigon ebligis EAF, la tamperea klubo *Antaŭen*, kaj la favora sinteno de la aŭtoro. Estas daŭre haveblaj nia konsilkajereto por progresantoj kaj listo pri la prunteblaj libroj de ELFI. La konsiloj troveblas ankaŭ en interreto, sur la hejmpaĝoj de EAF. Ili sukcesis aperigi artikolon pri Interkulturo en la tutlanda finnlingva revuo *Opettaja* („Instruisto"). Unu membro okazigis ekspozicion pri mondaj epopeoj en du bibliotekoj en Turku kaj klopodis por ke esperantistoj petu

esperanto-muzikon de la bondezirkoncertoj de radio kaj tiel reklamu la lingvon. Alia membro aranĝis turneon de du katalunaj gitaristoj en Finnlando. La sekciestro prizorgis Lingvoangulon en la bulteno de EAF, aperinta 6-foje jare.

Kadre de la ege modesta buĝeto la sekcio donacis simbolajn sumojn al la projekto Interkulturo, al la memorfonduso de Joel Vilkki kaj al membro, kiu kompilis finnlingvan Esperanto-gramatikon. Ilia kapitalo malpliiĝas, kvankam parto el la agado estas pagita "el propra poŝo".

## Francio

ILEI havas entute 25 membrojn en Francio. 4 el inter ili pagas sian membrokotizon pere de la sekciestro, la ceteraj pere de la asocio GEE (grupo de esperantistaj instruistoj), kiu reviviĝis antaŭ la kongreso en Berlino.

## Hungario

La sekcio havis 45 membrojn, plejmulto de ili estas instruistoj de bazaj kaj mezgradaj lernejoj. Krom la kunorganizado de la landa pedagogia tago fine de februaro, la sekcio ne havis komunan agadon. Pluraj sekcianoj partoprenis la prepar-laborojn de Juna Amiko kaj IPR, verkis artikolojn aŭ/kaj instruis en diversaj kursoj.
En Hungario malkreskis la E-instruado en la bazaj kaj mezgradaj lernejoj. Sed ĉiujare plurcent studentoj de superaj lernejoj trapasas oficialan ŝtatan lingvo-ekzamenon pri Esperanto, ĉar la mezgrada lingvoscio estas antaŭkondiĉo por rivevi diplomon en hungaraj universitatoj. La gvidantoj de tiuj sukcesaj kursoj ofte plendas, ke la granda plimulto de la ekzamenintoj restas ekster la movado. (Same, kiel la plimulto de iliaj E-instruintoj restas ekster ILEI.)

## Katalunio

Plej grava okazaĵo por la sekcio lastan jaron estis ĝia oficiala kreo mem. Post organizaj prepar-laboroj kaj oficiala peto la 12 membroj estis akceptitaj kiel sekcio dum la Komitatkunsido en Karlovy Vary. Poste sekvis aprobo de statuto kaj elekto de la unua Estraro kun S-rino Luz Vázquez kiel Sekciestro.
Dum la jaro la membroj kunlaboris en projekto "Kvazaŭ-lernejo Tibor Sekelj" de ILEI per provizo de tradukoj galega, kataluna kaj okcitana de ties informa prezentado. La sekcianoj daŭre kontribuis ankaŭ al IPR per publikigo de 5-6 novaĵoj kaj artikoloj.
En la instrua kampo, kunlaboro inter ILEI-Cat kaj Kataluna Esperanto-Asocio rezultis en la apero de por-komputila elementa kurso de E-o. Nombro de tradiciaj klubaj kursoj en Katalunio iom malpliiĝis, sed okazis du oficialaj kursoj en mezlernejoj, kaj ankaŭ pliaj du en universitato, plejparto el ili organizitaj kaj gvidataj de Pedro M. Martín, Neus Moly kaj Ramon Perera.

Inform-cele oni kreis en oficiala pri-eduka servilo sekcian TTT-paĝon kiun vi povas viziti ĉe la adreso *http://www.xtec.es/~pmarti10/ilei-cat.htm* kun informoj pri ILEI, pri la Sekcio, kurso de E-o en la kataluna, instruaj ludoj, ktp. En decembra numero de pedagogia revuo *Escola Catalana* Abel Montagut aperigis artikolon kun tre interesa konkreta propono pri oficiala instruado de E-o en lernejoj ne kiel anstataŭanto de la angla, sed kiel komplementa helpilo dank' al ĝia propedeŭtika valoro.
Krom per ĝenerala kunveno la 31an de oktobro, la membroj de la Sekcio restis en kontakto per la redaktado kaj dissendado de kvar cirkuleroj dum la jaro.

## Nederlando

La sekcio en 1999 havis 47 membrojn. La estraro kunvenis unufoje por antaŭprepari la Jarkunvenon kaj la estraran ŝanĝiĝon. La Jarkunveno okazis en marto en Hago. En tiu kunveno eksiĝis la prezidanto, Nel Overwater, kaj la sekretario Hans ten Hagen. Ne estis membro, kiu pretis transpreni funkcion. Rob Moerbeek deklaris sin preta esti provizora prezidanto. Hans ten Hagen sendis cirkuleron al pluraj membroj ne ĉeestintaj la kunvenon, kun la peto akcepti estrarfunkcion. Karel Klein pretis fariĝi kasisto, sed pro sanproblemoj li post kelkaj monatoj devis rezigni. Tiam Hans ten Hagen denove (provizore) transprenis la kasistan funkcion.
NGGE aperis trifoje. Bedaŭrinde atingas la redakcion nur malmultaj artikoloj de la membroj. La ILEI-Konferencon en Karlovy Vary ĉeestis kiel komitatanoj s-roj Moerbeek, Verwoerd kaj Ten Hagen.

## Pollando

En kelkaj lernejoj E-o aperis en 1999 unuafoje aŭ reaperis post longa paŭzo. Tamen ege mankas instruistoj. La ĉefa tasko de la sekcio aktuale estas trovado de instrukapablaj kaj instruemaj esperantistoj en la tuta lando. Kreskas la procento de instruaktivaj ILEI-mebroj kaj ne-membroj iel kunlaborantaj kun la sekcio. Samtempe la sekcio zorgas pri esperantistigado de aliaj personoj. Preparas sin al E-instruado kelkaj diplom/it/ot/inoj de la krakova Jagiellona Universitato.
Deko da lernejoj partoprenas Interkulturon. E-o estas instruata ankaŭ en aliaj lernejoj (plej ofte oficiale). Plia deko preparas sin por starti venontjare. Ĉiuj polaj Interkulturo-lernejoj havas retan aliron kaj en teknikaj aferoj la instruistoj estas helpataj de s-ro Antoni Beyga.
Printempe en Lodzo estis prezentita ekspozicio pri ILEI en Lodzo. En aprilo denove okazis la Esperantologia Didaktika Konferenco en Krakovo. En 1999 aperis 4 numeroj de la sekcia bulteno „Ligilo". Krome la sekcio estas enketanta por prilabori landan statistikon pri E-instruado kaj pri E-lingva instruado de aliaj fakoj.

## Togolando

La jaro 1999 estis laborplena por TIETo (Tietti-instituto de Esperanto): instruado al homoj, formado de instruantoj, ekzamenado, redaktado ktp. En aŭgusto la instituto fariĝis la sekcio de ILEI en Togolando.
Kursoj por komencantoj okazis en ĉiuj kluboj de la lando per la Zagreba Metodo. Perkorespondan kurson sekvis 13 lernantoj laŭ la kurso FEREZ. 3 lernantoj finlernis ĝin kaj ricevis siajn diplomojn.
Kurso por progresantoj okazis de la 23-a ĝis la 27-a de decembro en Lome kaj Aneho. 19 lernantoj en Lome, kaj 5 en Aneho. Inter tiuj ĉi estis ankaŭ 5 niĝerianoj, 2 ganaanoj, 1 burkinafasano kaj 2 kotivuaranoj.
De januaro ĝis marto TIETo, ĉiusemajnfine organizis kursojn por disponi pri novaj instruistoj. Tial entute 6 novaj instruantoj aldoniĝis al la tri ekzistantaj. La iama reprezentanto de ILEI fariĝis aldona instruisto de la instituto.
Ekzamenoj: A: okazis la 28-an de marto en Lome kaj Glidji. Kvin kandidatoj el 12 sukcesis. B: la unua okazis la 8-an de septembro 1999. Tri el kvin kandidatoj sukcesis. La dua okazis kadre de la aranĝoj de decembro en Togolando. 7 el 17 kandidatoj sukcesis. C: Okazis fine de decembro dum la sepa TEK. 3 el 5 kandidatoj sukcesis.
Aliaj aktivadoj: Okazis tri kunvenoj de la prizorgantoj: la 13-an de marto, la 24-an de aprilo kaj la 13-an de septembro. Okazis ankaŭ aliaj kunvenoj, sed ili kombiniĝis kun tiuj de la laborgrupo pri la Afrika agado. Plian laboron signifis la redaktado de OVo: la periodaĵo aperis kvarfoje en la jaro kun la numeroj 22 kaj 23 kombinitaj.

*Laŭ la sekciestraj raportoj kompilis: Jozefo Németh*

# Por via notlibro

## Ekzamenoj dum la Konferenco en Bouresse

Partoprenontoj de la ILEI-konferenco en Bouresse, kiuj deziras partopreni la Internaciaj Ekzamenoj de ILEI/UEA bonvolu anonci sin antaŭ la unua de julio 2000 ĉe la sekretario de la *Internacia Ekzamena Komisiono, Middenweg 587, NL-1704 BH HEERHUGOWAARD, Nederlando; tel. +31 72 5717918, fakse +31 72 5747670, <ten.hugen.esperanto@wxs.nl>*
Membroj de IRE (Internacia Rajtigita Ekzamenantaro), kiuj partoprenos la ILEI-konferencon kaj pretas ekzameni, bonvolu same anonci sin.

*Hans ten Hagen, sekr. IEK*

## Internaciaj ekzamenoj

La Internacia Ekzamena Komisiono (IEK) strebas al okazigo de la Internaciaj Ekzamenoj de ILEI/UEA en kiom eble plej multe da landoj en la tuta mondo.

Kiel sekretario de IEK mi spertis, ke en multaj landoj Esperantistoj ne havas scion pri la internaciaj ekzamenoj. Por funkciuloj de E-organizoj kaj certe ankaŭ por instru/ist/antoj de la lingvo estas grave, ke ili povu informi studintojn de la lingvo pri la ekzameniĝ-ebloj.
Internaciaj Ekzamenoj jam ekzistas dum dekoj da jaroj kaj estas prizorgataj de IEK, komisiono kies konsisto estas aprobata de la Komitatoj de UEA kaj ILEI. IEK konsistas el sep personoj: prezidanto, sekretario, kasisto (kiu estas tiu de ILEI) kaj reprezentantoj por Azio, Ameriko, Afriko kaj Eŭropo. IEK mem organizas Internaciajn Ekzamenojn dum ĉiu UK kaj (eventuale) dum Konferenco de ILEI.
Cetere, ĉiu landa asocio, E-organizo aŭ -institucio povas proponi organizi sesion de la ekzamenoj dum iu (inter)nacia aranĝo (kongreso, seminario, festivalo, k.s.). Tiukaze oni petu la t.n. 'petilon' ĉe la sekretario de IEK. En tiu petilo ili mencias la datojn de la sesio, la nivelon de la ekzamenoj (momente ekzistas elementa kaj meza niveloj), proponas lokan Ekzamenan Komisionon (EK), kiu konsistu el membroj de Internacia Rajtigita Ekzamenantaro (IRE).
La ekzamentestojn ĉiam prizorgas IEK. Ĝi liveros ilin al la prezidanto de la surloka EK. EK kontrolas la faritajn testojn kaj aljuĝas poentojn laŭ la koncerna skemo. Poste ĝi resendas ĉiujn testojn al IEK, kiu trarigardas la testojn kaj la aljuĝon de poentoj. Por la sukcesintoj ĝi produktas la 'Atestilo"-jn, subskribitajn de la prezidanto kaj sekretario de IEK, kiuj post subskribo de la prezidanto de la surloka EK estas sendataj al la sukcesintoj.
IEK strebas al multlokaj kaj frekventaj ekzamensesioj dum la jaro. Unu el la koncernaj problemoj estas manko de ekzamenantoj. Prefere surloka EK konsistu el diversnaciaj ekzamenantoj, sed tio ne estas severa postulo. Momente IRE (la Internacia Rajtigita Ekzamenantaro) konsistas el ĉ. 60 ekzamenantoj. Sed ne en ĉiuj landoj estas IRE-membroj. Pro tio mi apelacias al tiuj instru/ist/antoj, kiuj opinias sin kapablaj ekzameni kandidatojn, ANONCI sin. Ni petas de vi biografion pri via Esperanta vivo, precipe rilate instruadon. Se IEK akceptas vin, vi estas aldonita al IRE por trijara mandato. Post fino de la mandato ni ĉiam petas renovigon de la mandato. Oni do ne 'ĝismorte' estas ekzamenanto.
La tasko de ekzamenantoj estas kontroli ĉu ĉio iras laŭregule, sinsekve disdoni la testojn, repreni la faritajn testojn kaj kontroli ilin, aljuĝi poentojn (ĉe ĉiu tasko estas menciita la aljuĝota poentaro) kaj plenigi kaj subskribi la ekzamenan protokolon. Se la testo enhavas demandojn, la respondoj estas jam donitaj por la ekzamenantoj, por plifaciligi ilian kontrolan laboron.
La internaciaj ekzamenoj konsistas el tri partoj:

1. gramatika antaŭtesto;
2. skriba ekzameno;
3. parola ekzameno.

Nur kandidatoj, kiuj atingis aŭ superis la sukceslimon de la gramatika antaŭtesto, rajtas partopreni la skriban ekzamenon. Nur kandidatoj, kiuj atingis aŭ superis la

sukceslimon de la skriba ekzameno, rajtas partopreni la parolan ekzamenon. Per la gramatika antaŭtesto ni kontrolas la gramatikan konon de la kandidato.
La skriba ekzameno (por elementa kaj meza niveloj) konsistas el la sekvaj partoj (laŭ alfabeta ordo): Aŭskulta kompreno-1, aŭskulta kompreno-2, eseo, kulturaj konoj kaj lega kompreno, kaj, nur je elementa nivelo, diktaĵo.
La parola parto konsistas el buŝa priskribo de desegno, foto, k.s., respondi demandojn de la ekzamenantoj pri la movado, historio kaj kulturo de Esperanto kaj interparolo pri ĝeneralaj temoj.
En la "Gvidilo al internaciaj ekzamenoj de ILEI/UEA" la postuloj por la ekzamenoj estas vaste priskribitaj. En tiu gvidilo troviĝas ankaŭ la ekzamena regularo. Cetere tiu broŝuro enhavas modelojn de ĉiuj testoj de la ekzamenoj.
Ju pli da sesioj de la Internaciaj Ekzamenoj okazas, des pli ni bezonas "stokon" de testoj, ĉar ĝenerale por ĉiu ekzamensesio estas novaj testoj bezonataj.
AL VI, instruistoj kaj aliaj kleruloj ni urĝe petas helpi nin kaj mem kompili ekzamentestojn laŭ la modeloj de la Gvidilo. Vi komprenas, ke IEK ne kapablas ĉiam mem verki ĉiujn testojn. Ne necesas, ke vi verku kompletan ekzamenon (se vi volas fari tion, bonege!), ankaŭ testoj por kelkaj ekzamenpartoj estas tre bonvenaj!
La "Gvidilo" estas havebla ĉe UEA, ĝi kostas 3 eŭrojn. (Se tiu sumo estas financa problemo por vi, skribu al mi).

Mi esperas, ke lavango da mesaĝoj de sinproponaj kandidatoj atingos min kaj ke mia (reta aŭ fizika) poŝtkesto pleniĝos de testoj. Mi anticipe tre dankas vin pro via atento kaj helpopreteco.

*Hans ten Hagen, sekr. IEK*
*Middenweg 587, NL-1704 BH HEERHUGOWAARD, Nederlando*
*telefono +31 72 5717918, fakso +31 72 5747670*
*ten.hagen.esperanto@wxs.nl*

# EKZAMENO de INSTRUKAPABLO de UEA/ILEI

Delonge oni sopiras superan nivelon de niaj lingvo-ekzamenoj. Tamen, frapa komento de Miroslav Malovec en la reta diskutejo E-INS spronis nin labori pri io alia. Li komentis, ke apenaŭ kredeble estas, ke ILEI ne ofertas ekzamenojn pri instru-kapablo. Ni konsentas, kaj opinias tion pli grava por ILEI ol supera lingva ekzameno, kies pretigon ni provos transigi al UEA.
La unua, sed plej eta paŝo, estas farita. Ni havas regular-proponon, distribuita al la ekzamena komisiono, al la estraroj de UEA kaj ILEI, al la Akademio kaj kelkaj pliaj koncernatoj. La estraro de UEA traktis ĝin en sia aprila kunsido, cele al transdono de la UEA komitato somere.
La ekzameno emfazas praktikajn devojn. Kandidato ricevas tutoron kaj havas sekvajn devojn: verki kaj publike defendi disertacion pri E-instruado, partopreni

aprobitan instru-kurson, plani kaj realigi modelan lecionon kaj sukcesi en mallonga skriba kaj parola ekzamenoj. La teksto de la regularo riceveblas papere de la verkinto kontraŭ 3 IRK. Ĝi estas rigardebla komputile en la ILEI-Bulteno (vidu la hejmpaĝan adreson sur la tria kovril-paĝo).
Komentoj bonvenaj ĉe la sekretario de la ekzamenoj aŭ la verkinto de la regular-propono: *stefan.macgill@galamb.net* (poŝta adreso, p.2)

**NOVA LIBRO DE ILEI:**

## Valoraj konsiloj en konciza volumo

ILEI anoncas la aperigon de didaktika konsilaro, verkita de sia longtempa rusa membro, s-ro Aleksandro S. Melnikov, sub titolo "La ĉefaj principoj de fremdlingvo-instruado". La libron kuneldonis ILEI, kun la Rostova Ŝtata Pedagogia Universitato. Ĝi ampleksas 96 paĝojn (14 x 20 cm) kaj estas komplete en Esperanto. Ĝia dorskovrila teksto bone resumas la verkon:

"La ĉefa atento de la libro estas donita al praktikaj konsiloj por Esperanto-kursgvidantoj. Ofte ili estas bazitaj sur la prora sperto de la aŭtoro, gvidinta aron da kursoj en deko da landoj. Specialan emfazon ricevis rimedoj por maltedigi E-lecionojn. Ili estas aplikeblaj dum instruado laŭ ajna metodo, inkluzive tiun de Andreo Cseh. La libro enhavas abundajn distrajn materialojn, uzeblajn ne nur dum E-kursoj, sed ankaŭ dum lingvo-ekzercigaj E-klubkunvenoj."
Komence, la verko resumas kelkajn instru-metodojn, ĉefe sugestopedion de Lozanov, poste ĝi skizas bazajn didaktikajn principojn. La ĉefa parto prezentas praktikaĵojn. Eĉ sperta instruisto trovos valoraĵojn inter la lavango da sugestoj kaj ideoj. Ĝi valoras ankaŭ por neprofesiaj instruistoj, sur kies ŝultrojn falis la tasko gvidi vesperan aŭ someran kurson.

ILEI disponas je nur cent ekzempleroj de la libro, kiu do baldaŭ elĉerpiĝos. Prezo: 9 EUR. Mendu ĉe UEA, aŭ ĉe *ILEI, pf. 193, HU-1368 Budapeŝto*, rete: *stefan.macgill@galamb.net*

## "Fabela" rakonto pri IIK

Motto: *"Ni sidis sur la sojlo / kaj la solo soris / en altojn, en altojn. / Sube pitiĝis / la tronoj, / la turoj – / kvankam ni estis / la plej malgrandaj / kaŭrsidante sur la sojlo.... Ni verkis, ni kreis – / kaj ni eksentis / la manojn de Dio / sur la ŝultro. / Ni aŭdis zumon diafanan / de la sferoj." (Imre Szabó – Soraj sojloj)*

La fermitaj okuloj imagas al si la nedireblan senton esprimatan de la poemo. La pensoj flugas en la tempon, antaŭ kelkaj monatoj, rememorante la pasintjaran

IIK, la belajn iamajn momentojn pasigitajn kune kun la 37 infanoj el 14 landoj kaj kun nia gvidanta ĉarmega teamo. Kune, unu helpe de la aliaj, ni kreis fabelan mondon, kiu sendube restos por ĉiam kaj por ĉiuj, kiuj travivis ĝin, nekredeblajo de la vivo.

Mi ofte pensis pri la plej taŭga maniero paroli kaj rakonti pri la pasintjara IIK. Kelkfoje mi tutsimple diris al mi ke ne havas sencon tion fari, ĉar la vortoj ofte detruas la magion de iu travivaĵo. La sentoj estas la verko de la nedireblaĵo, estas plej intima afero kiu ĝojigas la koron kaj la animon. Klopodo de materialigi la sentojn per paroloj estas ofte frakaso, speciale, ĉar mi daŭre diris al mi ke, eĉ se mi ion rakontas, la aliaj tutsimple ne komprenos kion ni kune, fabelece travivis.

**Fabeloj eniris realecon**

Pro tio mi petis la helpon de la mirakla, fabela mondo, kiu ĉirkaŭas nin kaj atendas pacience nian malkovron. Mia ĉefa instiganto al la rakonto estis, kompreneble, la ĉarmega Villi Abelo, kiu maltrankvile vizitis min iun nokton kaj klarigis ke la magio ne plu vivos en la mondo se ni ne rakontos pri ĝiaj efikoj. Sekve, la fabela voĉo malsupreniris sur la teron, pere de la abeleto, kiu „spionis, kion la olduloj preparis kaj planis" kaj kiu „zum-di-ŝvup povis doni al la organizantoj kelkajn konsilojn" dum la pasintjara IIK. Ĉu ĝi sukcesis? Ni kune analizu tion…

**Komenco kaj preparado**

Oni povas facile aserti ke la kongreseto estis granda pedagogia kaj psikologia verko, miksaĵo inter la homaj klopodoj kaj la nevidebla helpo de la fabela mondo. Ekde la komeco ni klopodis eniri kaj enirigi la infanojn en magian etoson, kies ĉefa personeco estis nia Villi Abelo. Ĝi fariĝis la simbolo mem de la tuta kongreseto kaj ludis gravan rolon, ĉar, sendube, ĝi estis la enirvojo al la mirakla mondo de la fabeloj, kiu servis kiel identigilo de infaneco. La ideo ke Villi prezentu la programon, forme de tre alloga kongreslibreto, kvazaŭ ĝi estus "spiono" de la granduloj, plifortigis la sugeston ke ĉio estis iel fabelece kreita. Ne plu estis plenkreskuloj kiuj diktis ion, sed aperis kaŝita ligo inter la infanoj kaj la „olduloj" pere de tiu ĉi ludema, fabeleca personeco.

**Formado de teamo**

Sed la voĉo de Villi sentiĝis eĉ antaŭ la kongreseto, dum la elekto de la teamo. Helpantoj de ĝi estis „ses frenezaj" personoj, kies ĉefaj roloj estis subteni la jam ekekzistantan magion. Grava tasko! Estis postulitaj antaŭkondiĉoj: kapablo rezigni pri la seriozeco de plenkreskuloj, fariĝi denove infanoj kaj krome, havi empatiajn kaj pedagogiajn kapablojn, gvidi laborgrupojn, kaze de bezono. La tuta teamo kunigis diversajn aĝojn kaj naciecojn, miksis sukcese proprajn spertojn kaj kapablojn. Ĝi estis preparita jam kelkaj tagoj antaŭ ol la

kongreseto komenciĝu, por ke la teama unuiĝo kaj identeco aperu kaj por ke la kunlaboro estu efika. Ĉio evoluis sub magia influo.

**Kadraj kondiĉoj kaj celoj**

La zumo de Villi gvidis nin en belegan pejzaĝon, ejo de la kongreseto. La arbaro, la floroj kaj la herboj, la kanto de diversaj birdoj kaj la ĉeesto de bestetoj en eta zoologia ĝardeno kunformis la naturan kadron, kvazaŭ transprenita el oldaj legendoj kaj alportita en la nuntempojn. Al tiu ĉi natura kadro aldoniĝis la fakto ke la regiono mem estis natura rezervejo, kiu protektis centron por infanoj, bone organizitan kaj ekipitan. La eblecoj de la ejo por krei situaciojn kiuj similu al nerealeco, al ekzistado kiu interrompis la ligojn kun la vera, reala mondo, estis senfinaj. Kaj por pli facile eniri la legendon ni eluzis ankaŭ la lokan proksimecon de la lago, kies ekzisto estis ombrita de iu olda legendo, tiel ke ĝi akiris la nomon de „Diabla Lago". Ĝi kaŝis trezoron, garditan forte de iu diablo, kiun la laga feino instruis cedi la trezoron nur al tiu kiu neniu en sia tutas vivo mensogis.

Jen belega motivo (eĉ kun moralaj radikoj!) starigi komencon de belega semajno, kiun ni projekciis ne nur kiel frukte donan frandadon de Esperanto, sed ankaŭ kiel edukan semajnon. La ĉefaj celoj estis:

a) ke la infanoj bonege interkonatiĝu, tiel ke ili fariĝu grupo, t.e. bonaj kaj speciale longdaŭraj amikoj;

b) ke la infanoj plibonigu siajn lingvajn konojn, ĉar ofte la lingvo povas esti limo inter ilia komunikado kaj kunlaborado. Sekve, ni klopodis krei en ili la senton de grupa identeco, kvazaŭ ili estis partoj de granda familio, ni strebis konstrui la certecon ke tute ne gravas la fakto ke unu konas pli bone la lingvon ol la alia;

c) ke ni prezentu al ili lokajn kulturajn akiraĵojn;

d) ke ni kreu la intereson de kunagado, tiel ke la infanoj ĝuu ripozegan tempon por ke ili havu belajn memoraĵojn kaj aventurojn.

**Programo kaj metodarto**

La fabela mondo estis la ideala kondiĉo por ke ĉiuj tiuj celoj estu efike realigataj. La programo kaj la metodaro subtenis forte la materialigadon de ili. La programo, realigita konforme al la propraj deziroj de la infanoj, jam antaŭe pridemanditaj pere de la informbultenoj de Ville, estis alloga, diversa kaj interesa. La unuan tagon, ni organizis interkonatigajn ludojn. La rolo de tiuj ĉi grupigaj ludoj (per pilko, per la granda paraŝuto, ktp.) estis grava, ĉar ili varmigis la etoson kaj donis la impreson ke oni povas komuniki eĉ senvorte. Ni pli proksimiĝis unu al la alia silente, ridante sub la fascina ŝirmo de la ludo. Ĉiu el nia teamo havis precizan rolon, gvidi grupeton da infanoj kaj poste la grupetoj estis interŝanĝataj, tiel ke ĉiu havu la eblecon preni kontakton al la alia.

Dum la samtaga posttagmeza akvobatalo ne plu estis plenkreskuloj kaj infanoj, sed granda grupo da **infanoj** kiuj ĝojege kunludis, kunagis kaj

kunstultumis. Laŭ mi, unu el la sekretoj proksimiĝi al la infanoj estas ankaŭ la kapablo de la teamo agi infanece, detruante kaŝe kaj silente, sen granda „bruo", la barilojn inter „ni" kaj „vi".

La trezorserĉado ĉe la „diabla lago", kiu okazis la saman vesperon, plifortigis per grupiga procezo la komencantajn rilatojn inter la infanoj. Per la sama evento ili profunde eniris la mondon fabelecan, la alian realecon, kiu per sia ĉarmo kaj magio kreis fortajn ligojn. Jam el la unua tago ĉiu el la gvidanta teamo havis sian rolon, enkorpante la personecojn de la legendo: la laga feino, la diablo, ktp. Montriĝis la kapablo de ni – kiel plenkreskuloj – krei taŭgan etoson por kapti efike la atenton, antaŭvidi la dezirojn de la infanoj. La internacia vespero, organizita dum la sama tago, estis ebleco por infanoj pezenti sin, laŭ ilia plaĉo, laŭ ilia maniero. La ĉi tie donita libereco daŭris la sekvontajn tagojn, kiujn ni komplete realigis kun la helpo de ili. Kompreneble ke ekzistis antaŭstarigita programo, sed tiu ĉi programo estis adaptita spontanee kaj flekseme al la deziroj de la infanoj. Gravis por niaj metodaj principoj doni liberecon al ili, instigi ilin al ideo, al propra esprimiĝo, enplekti ilin en la programan kreadon. Pridemandante iliajn dezirojn kaj atendojn, decidante uzi iliajn spertojn ekestis la freneza olimpiado kun tre strangaj pasendaj ŝtupoj en kiu kompreneble ankaŭ la gvidantoj partoprenis. Estis ĉio organizita nur de ili! Tiu ĉi kuniga tasko ofertis unue al infanoj la transprenon de respondeco, kiu alportis memfidon: „mi povas, mi kapablas tion fari", sed ankaŭ la senton ke ili estas en la centro de la tuto, ke ĉio estas farita **kun** ili kaj **por** ili. La aventuroj daŭris per rajdado kaj vizito de vera indiano el Kanado, kiu dancis kaj montris al ni diversajn ritualajn objektojn.

La pinto de la magio estis kiam ni preparis la maskojn por bonvenigi la gepatrojn. Ĉiuj havis strangajn, belajn maskojn kaj ĉiuj, kune kun la gepatroj teatrumis por prezenti, plej realisme eble, la legendon de la „Diabla Lago". Eĉ la bestaro de la ejo partoprenis nian fabelan mondon kaj kunludis dum la tuta semajno. La bestoj ankaŭ akiris fabelecajn, miraklajn trajtojn, tiel ke ordinara porko fariĝis princo, enamiĝinta lagan feinon. Naskiĝis Porki – princa porko kiu estis la plej ofte al la gepatroj montrita besto.

La lasta tago estis plorema tago por ĉiuj, signo ke fortaj ligoj kaj sentoj ekestis. La celo pliprofundigi la homajn rilatojn estis tiel atingita.

**Malfacilaĵoj**

Gravis multaj aspektoj, kiujn ni priatentis, sed ankaŭ kelkaj kiujn ni preteratentis aŭ aliaj kiuj montriĝis kiel malfacilaĵoj.

Mi jam bonege substrekis la sekretojn (kiuj, espereble nun ne plu estas sekretoj!!) de la sukcesa rezulto de kunlaboro inter homoj kiuj kreis fortan teamon, diversaĝa kaj diversseksa. Estis ankaŭ kelkaj fuŝoj, aspektoj kiuj ne tiom bone sukcesis, kiom ni intencis. Temas pri la malkapablo komplete kaj efike fari la grupigon, ĉar malgraŭ ĉiuj niaj klopodoj oni ne povis haltigi la krokodiladon. Alia punkto sur la listo de "fuŝaĵoj" estas ke pro vetero aŭ pro troa laciĝo kelkaj

programeroj el la antaŭe starigita programo ne realiĝis. Tamen, aliaj saminteresaj anstataŭis ilin. Malfacilaĵo problemhaviga estis ankaŭ la granda aĝa diferenco de 12 jaroj inter la infanoj, kiu verŝajne iom kontribuis ankaŭ al la nekompleta sukceso de la grupiĝo.

En mia orelo, Villi, kiu daŭre akompanis min kaj ion flustris kelkfoje, senpacience atentas ke mi ne forgesu rakonti pri mirakloj. Estis multaj fabelaj mirakloj okazintaj dum la pasintjara IIK, sed unu el la plej grandaj (ĉar plej multe tuŝas la realecon!) estis ke eĉ ne unu infano kiu aliĝis, pro financaj kialoj estis malakceptita. Mirakloj tamen okazas, ĉu ne?

Necesus skribi romanon pri ĉio, kion ni travivis, faris, sentis...Necesus horoj klarigi la miraklan ĝojon per kiu plenigis nin ĉiujn Esperantujo. Tamen la rigardo direktiĝas nun al la nova, ĉi-jara kongreseto, kiun ni esperas samsukcesa. Restas en niaj animoj sendube belegaj, nekredeblaj memorajoj pri la jam pasinta IIK, sed ekfloras la pensoj pri novaj aventuroj, novaj mirakloj.....Ĉar mirakloj daŭre okazas, ĉu ne?

*Ana-Maria Pinter*
*RO-2400 Sibiu, Str. Hategului, Nr. 1, Sc. C, Et. 3, Apt. 38, Rumanio.*
*anamaria@magicnet.ro*

# VIGLA INFANA KONGRESETO ATENDATA

Ĝis nun aliĝis al la 33a Internacia Infana Kongreseto dek sep infanoj, kiuj kuniĝos en la junulara vilaĝo Hadassim, 30 km de Tel Avivo. La infanoj vizitos la kongresejon en vendredo 28a julio, kadre de tut-taga ekskurso al la kongresurbo. Ili partoprenos en ero de la Tago de la Lernejo.
Gvidantoj estos Ankica Jagnjic (organizonto de IIK en 2001) kaj Stefan MacGill (la konstanta komisiito). Helpanto estos Anna-Maria Pinter kaj tri el la infanoj (signitaj sube H). Partoprenontoj ĝis nun aliĝintaj aĝas inter 6 kaj 16-jaraj, averaĝe 12. Laŭlande: Belonia (H) kaj Ideal (H) Gabalda (Fra.), Michaela Frank, Elisabeth Binanzer (Ger.), Karina kaj Hajnal MacGill (Hun.), Tali (H), Maya kaj Ran Wandel kaj du pliaj (Isr.), Julia Yamato (Jap.), Tina Tisljar (Kro.), Kristine (Nor.), Zsuzsa Szőcs, Anabella Jugvert, Krisztina Bartos, Csaba Kerekes (Rum.).
Partopreno de kelkaj dependos je ekstera subteno. Manke de ĉi-jara gimnazio, fondaĵo de ILEI kontribuis, kiel ankaŭ aliaj amikoj de IIK. Donaco al la Gepatra Kaso de la UK helpos ilian kuneston.
La partopenontoj jam prezentas sin kaj siajn familiojn kaj mondojn per desegnaĵoj, rigardeblaj en la hejmpaĝo de IIK. Vizitu tion tra la paĝoj de UEA, (Servoj/Kongresoj) aŭ ĉe la rekta adreso: www.geocities.com/amik99_1999&&
En la programa sekcio de la hejmpaĝo vi trovos kvizeton pri bestoj, taŭga por etuloj (5-9-jaraj), kun kaŝ-vortoj troveblaj per solvado. Ni aperigos pliajn, kaj dum la IIK okazigos grandiozajn kvizojn (infanoj pretigos kelkajn). Hejmpaĝe ni antaŭprezentas komunan ludon kiun realigos la pli aĝaj partoprenantoj en IIK; la

grupo ricevas urbocentran konstruaĵon kaj monsumon. Ili rajtas starigi magazenon kun ses fakoj, restoracio kaj amuzejo. Ili kune planos la tuton, decidante nomon kaj sloganon por la vendejo, desegnante uniformojn, elektante varojn kaj fine aktorante televidan reklamon.

Aldone al tiaj pli formalaj eroj ni lasos liberan tempon por ludi, sporti kaj naĝi. Ni ekskursos unu tagon al la akvoparko Sfajim. Multaj partoprenontoj estas muzikemaj kaj teatremaj. Do, ni atendas instigan semajnon kune!




*(Ilustrajo: Karina MacGill)*

*Stefan MacGill*

# Kompletigu viajn kolektojn de IPR

Post presado de nia revuo restas rezerva stoko, tenata ĉe Internacia Esperanto-Instituto en Hago. Kuŝas proks. 4000 ekz. (280 kg.) el la jaroj 1986 ĝis 1998. Nia ligo eniris luan aranĝon kiun nia nuna financa stato devigas nin fermi, kio implicas forigi la plimulton de tiu stoko. Kvankam nefreŝaj, tiuj numeroj entenas ankoraŭ aktualajn fakajn artikolojn kaj raportojn de historia intereso. Unue, ni demandas ĉu iu scias lokon, kie ni povos deponi parton de la stoko, kaj kiel eblos transporti ĝin de Hago al tiu loko. Due, se iu deziranta ricevi ekzemplerojn de la sube listigitaj numeroj povos persone viziti IEI (post klara interkonsento kun Atilio Orellana Rojas) tiu rajtos senkoste ilin forporti. Trie, ni ofertas tiujn revuojn al niaj sekcioj, al bibliotekoj, kolektejoj, lernejoj ktp. kontraŭ sendokostoj. Minimuma mendo: 6 ekz. (480g.) kaj mendojn en obloj de ses ekz (samaj aŭ malsamaj numeroj).

Prezo por ses ekz. al Eŭropo estas 2 euroj/dolaroj (4 irpk), ekstereŭropen 4 euroj/dolaroj (8 irpk). Pagon faru per respondkuponoj kun la mendo aŭ poste al nia konto ilek-a ĉe UEA aŭ al nia kasisto en Svedio (aŭ surloke en nia konferenco). Mendi elektrone: *stefan.macgill@galamb.net aŭ letere: S. MacGill, Bethlen G. u 2, HU-2030 Érd.*

*Jen resumo de la stokoj*

(La ciferoj 1-2-3-4 indikas la numeron en la koncerna jaro. La signoj post la numero indikas la kvanton de ekzempleroj: 30-49 ekz: - ; 50-99 ekz: sen indiko; 100-199 ekz: *; pli ol 200: **)

| | | |
|---|---|---|
| 1986: 3*; | 1987: (2-3 duobla numero); | 1988: 3- 4- |
| 1989: 1 2* 3 4*; | 1990: 3* 4**; | 1991: 3 4 |
| 1992: 1 4-; | 1993: 2 4*; | 1994: 3* 4* |
| 1995: 1 2* 3* 4*; | 1996: 2 3* 4; | 1997: 2** 3** 4* |
| 1998: 2* 3* 4*; | 1999: 1 | |

# El la landoj kaj sekcioj

## Barato

Longtempe dezirata revo fine ektrovis ian vojon al realiĝo, kiam decembre de la pasinta jaro mi babiladis kun unu el miaj gelernantoj en la koridoroj de la Lingvoinstituto "Narwal" dum E-kurso tie kadre de la projekto "Indiĝenaj Dialogoj" (ID). Li, S-ro Jebra MUCHAHARY, direktoro de elementa lernejo en la ŝtato Assam (orienta Bharato) invitis min instrui tie E-on. Li tuj komprenis, ke reveninte de Nederlando post lernado de Esperanto, se li ne praktikas la lingvon, se li ne parolas, skribas, aktive uzas ĝin, li simple malpliigos siajn konojn iom post iom. Lia strategio estis, do, esperantigi la lernejon, tiel, ke li havu ĉiuangule kun kiu uzi Esperanton! La unua paŝo estu, do, instrui al la instruistaro tiel ke ili siaflanke poste daŭrigu la laboron kun la lernantaro. Certe kun mikso de entuziasmo kaj la espero dissemadi Esperanton ankaŭ en tiu mondoparto, mi planadis la alvenon al lia regiono.

La projekto estis elpensita tiel, ke mi kunvenigu la jam lernintojn de la 2 antaŭaj ID-kursoj loĝantaj en Bharato kaj Nepalo por plueniri la vojon en nia lingvo kaj ke mi ĉefe instruu Esperanton al la stabo de la lernejo por tiel krei Esperanto-neston en Assam. La lernejo de Jebra troviĝas en la malgranda vilaĝo Bijni, atingebla post plurhora veturado meze de fascina pejzaĝo, plena je verdo kaj spicita per la tre buntaj koloroj de la kamparanaj vestajoj. Ne granda distanco apartigas tiun vilaĝon de la landlimo al Butano.

La entuziasmo de la instruistaro de la lernejo St. John'n Mission vere impresis min profunde. Plurhora instruado ĉiutaga ne lacigis ilin. Male, ili estis ĉiam pli kaj pli avidaj kaj aktivaj, kiam ili paŝadis tra la gramatiko kaj nura kanto kaj ritma dancado sufiĉis por refreŝigi la klasanojn.

Jam en la unua tago ili petis al mi, ke mi ne limigu mian instruadon al la lingvo Esperanto, sed ke mi priparolu ankaŭ didaktikon kaj metodikon, ĉar se ili volas instrui la lingvon, ili akiru ankaŭ iajn bazojn por la prilingva instruado. 25 instruistoj, do, sekvis tian trejniĝon kaj nun ili kapablas komuniki en nia lingvo. Nia laboro inkluzivis eĉ tradukadon!

Komence de la kurso, Lakhi, la instruistino pri muziko por bonvenigi min, kantis ĉarman kanton en la boroa lingvo (la lingvo de la popolo tie loĝanta) dum kelkaj el la lernantinoj dancadis ĝin. Min tre emociigis tiu ritmo kaj ĉiutage ni provis eltrovi la ĝustan tradukon kaj akordigi ĝin al la muziko de la origina verko. La kanto, "Eksidu, hej", estis kantita de ni ĉiuj dum la fermo de la kurso.
Certe granda laboro estas semi, inspiri, entuziasmi kaj tute alia estas plu konservi tian torĉon, kiam multaj aliaj okupoj kaj problemoj bezonas atenton. Tial, mi petas al vi, leganto, provu dediĉi momenton por skribi karton al ili, tio certe sentigos al ili, ke pliaj personoj en la mondo ja volas uzi, komuniki per Esperanto; se en via biblioteko estas kromaj ekzempleroj de iu E-libro, sendu al ili tiujn. Ili nepre bezonas ĉian helpon kaj subtenon de nia E-parolantaro!
Ĉi tiu vojaĝo estis mirinde inspira al mi kaj profunde dankas al ĉiuj instruistoj en St. John's Mission, pro ties nelacigebla simpatio, pro tiom da entuziasmo en la lecionaj horoj kaj ĉefe por sentigi al mi, ke Esperanto ja utilas por venigi la mondon ankaŭ al tiom foraj lokoj kaj doni al ili esperon pri amikaj kaj pacaj kontaktoj.

*Atilio ORELLANA ROJAS*
*Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag; Nederlando.*
Tel +31 70 355 66 77, Fakso + 31 70 358 44 22, <*iei001@worldonline.nl*>

NdlR – Adreso de la lernejo: *Shri Jebra Ram Muchahary, St. John's Mission, BINJI, P.O. Binji, Dist. Bongaigaon (Assam) India.*

## Britio

**Ludante...** *(pri Urso-Kurso)*

Esperanto estas tiel facila, Zamenhof diras, ke oni povas ellerni ĝin ludante. Ja tiel facila estas Esperanto. Alie, ĝi ne povas postvivi du-fojan jarcento-turnon. Tamen – nu – estas diversaj ludoj. Bone planitaj ludoj donas bonan efikon. *'Urso-Kurso'*, verkita de *Malcolm Jones* kaj *Angela Tellier*, liveras idealajn ludojn por infanoj. La aŭtoroj montras sufiĉe da lerto en kompilado. La kurso konsistas el kvar kajeroj por infanoj (Esperanta traduko de la angla teksto estas havebla por neangla-parolantoj) kaj tri gvid-kajeroj por parencoj/instruantoj. La tekstoj gvidas la infanojn lerni kantante (estas kantoj – kaj sonbendo-kasedoj), kolore (estas koloraj kaj kolorigendaj bildoj), dialoge (estas model-dialogoj) kaj per multaj aliaj amuzaj ludoj (kiuj sendube favoras al evoluo de pensado de la infano). Se vi dubas pri la valoro de E-lernado en pedagogio, legu la mult-lingvan vorto-liston je la fino de la kajeroj kaj via dubo foriĝos. La listo montras Esperantajn vortojn kontraŭ ties egalaĵojn en diversaj lingvoj. Danke al la genio de Zamenhof, Esperanta vortaro kovras komunan parton de plejparto de eŭropaj lingvoj. Lernado de Esperanto faciligas la lernadon de aliaj lingvoj. Tio estas kroma profito de lernado de Esperanto: via infano ne nur mastros internacian

lingvon (kompreneble, sen-pene), li/ŝi ankaŭ facile lernos aliajn lingvojn. La kurso estas admirinda kaj rekomendinda!
Informoj kaj mendoj ĉe *ETA, Malcolm Jones, 1 Regent Avenue, Skipton, BD23 1AZ. Britio*

*WEN Jingen,*
*J.WEN@LAMP.AC.UK*

# Hispanio (Katalunio)

**Universitat Autònoma de Barcelona** (UAB) oficiale agnoskis kurson pri Esperanto inter la libere elekteblaj por la studentoj. La kurso okazis inter la 4-a de novembro 1999 kaj 3-a de februaro 2000 kun 8 studentoj kaj ĝi estis kunorganizita de Kataluna Esperanto-Asocio kaj Klubo Unesko de Barcelona. La instruistoj estis anoj de la Kataluna Sekcio de ILEI (Neus Moly kaj Ramon Perera). La kurso titoliĝis "Introducció universitària a l'Esperanto" (Universitata Enkonduko al Esperanto), daŭris 30 horojn kaj valoras tri kreditojn ĉe la Universitato. *Neus Moly kaj Ramon Perera*

La „**8-a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo**" okazos de la 30-a de septembro ĝis la 7-a de oktobro en urbo Blanes, provinco Girona (Katalunio). En la kultura kadro okazos ankaŭ ILEI-ekzamenoj de elementa nivelo, gvidataj kaj sub la kontrolo de Carla de Lorenzi.
Pliajn informojn petu de *H.F.E.A. Apartado 15027, ES-08080 Barcelona.* Tel: *937275021* aŭ *937253421*. Fakso: *937836511*. Rete: *luis_serrano@mixmail.com*

# Hungario

**Helpopeto por PhD-laboro**

Iván Bujdosó <vaganto@buli.net> lekcias en ELTE en Generala kaj Aplikata Lingvistiko ekde 1999 kiel scienca helpkunlaboranto. Por lingvistoj li prizorgas la studobjektojn: "Enkonduko en la komputikan lingvistikon", "Uzo de komputilo por komencantoj", kaj "Internacia lingvopolitiko"; por studentoj de esperantologio Ĉe Esperanto-fako: kurso por komencantoj kaj progresantoj, metodologio, stil- kaj parolekzercoj. Li vizitas dujaran PhD-kurson. Li volonte akceptas ideojn, kunlaboron, sugestojn por sia PhD-temo, sube montrata:

*Instruado de la planita lingvo Esperanto*
I. La celo de la esploro
- Trarigardo de la hipotezoj pri la procezo de lingvoalprogrigado.
- Konkludoj rilate al la lingvoinstruado.
- La interdependo de la kompetento kaj la plenumo en la lernprocezo.

II. La terenoj de la esploro
1. La ĉefaj komponentoj de facileco de Esperanto:
- La simpleco de la tuta lingva sistemo.

- La reguleco de Esperanto.
- La notiteco de la vortspecaj kategorioj kaj ties efiko pri la parolkompreno.
- Libera kombineblo de la fiksformaj morfemoj kun fiksitaj signifoj.
- La dinamika (porokaza) vortfarado, ĝia efiko pri la plenumo. Terminologiaj problemoj.
- La libera vortordo kaj ties sekvoj en la lernprocezo.
- La proprecoj de la Esperanta elparolo.

2. Trarigardo de la nuntempa E-instruado:
- La praktiko de instruado de Esperanto: kion, kiel, per kio, por kio, ĉe kio, al kiu.
- Ĉu la intensaj metodoj estas pli efikaj?
- Esplora ekzamenado de la metodoj: superintensa, Zagreba, kaj Cseh.

III. Proponoj por la evoluigado de metodoj surbaze de la esploro:
- perkomputile helpata lernado
- la uzado de audvidaj materialoj
- a eblecoj de Interreto
- la eblecoj de malĉeesta instruado

*Dr. Varga-Haszonits Zsuzsa (temgvidanto), Bujdosó Iván (PhD-aspiranto)*

# Italio

**Kiel amuze instrui esperanton?**

Dum la sukcesa junulara aranĝo IJF fine de aprilo en Cavallino (Italio) la instruista sekcio de la italaj esperantistoj iniciatis metodikan seminarion por instruemuloj kaj instruistoj.

La titolo de la seminario estis: *Kiel amuze instrui esperanton?* La 16-horan aranĝon gvidis Katalin Smidéliusz el Hungario, kaj partoprenis ĝin 12 personoj el Italio, Israleo, Usono, Germanio kaj Norvegio. La partoprenintoj verŝajne kontente kaj kun belega atesto iris hejmen, riĉaj je novaj spertoj kaj ideoj. Laŭdindas la iniciato de kelkaj landaj asocioj, kiuj similforme deziras altigi la nivelon de la instruado de Esperanto, certe ne sensukcese.

*Katalin Smidéliusz*

# Pollando

**Nekrologo**

Kun doloro ni sciigas pri la forpaso de s-ino Zuzanna CWIKLINSKA 15.VIII.1911 - 24.I.2000, Krakovo, Pollando, juristino, inspektorino pri laborsekureco, instruistino de E-o, fidela ILEI-ano, persono ĉiam aktiva kaj tre sindona al E-o. *Pola Sekcio de ILEI*

**Lernu la polan en Pollando per Esperanto!**

La renoma Somera Lernejo de la Polaj Lingvo kaj Kulturo, plej longe ekzistanta, plej grava en Pollando laŭ grandeco kaj spertaro, funkcianta en Jagiellona Universitato en Krakovo, unu el la plej malnovaj eŭropaj universitatoj, decidis akcepti somere 2000, inter siaj multegaj gestudantoj, grupo(j)n de esperantistoj. Instruos Maria Majerczak, kiu lastatempe diplomiĝis ankaŭ pri instruado de la pola kiel fremdlingvo. Bonvolu peti informilon (german-, angla- aŭ pollingvan) ĉe: *UNIWERSYTET JAGIELLOŃSKI SZKOŁA LETNIA KULTURY I JĘZYKA POLSKIEGO, ul. Garbarska 7a, 31-131 Kraków, tel. +48(12) 421-3692 fax +48(12) 422-7701, email: plschool@jetta.if.uj.edu.pl* aŭ viziti la retpaĝon: www.if.uj.edu.pl/UJ/SL/.

Bonvolu baldaŭ sendi la aliĝilon, en kiu vi indikas viajn preferojn pri dato, studdaŭro (3, 4 aŭ 6 semajnoj), lernintensiveco ktp. Datoj: 3.07 - 23.07, 3.07-30.07, 3.07- 13.08 aŭ 28.07 - 18.08.2000. Lernado neintensiva (koncernas nur 4- kaj 6-semajnajn kursojn): 2-3 horoj tage; intensiva: 5-6 horoj tage, dum 5-6 tagoj semajne. La grupo ekfunkcios, se aliĝos minimume 8 partoprenantoj kun samaj preferoj. Por faciligi la formiĝon de la grupo, bv. indiki, se eble, pli ol unu akcepteblan por vi daton k.a. cirkonstancojn. Ne forgesu sendi jam nun vian retadreson, se vi ĝin havas. La lingvolernadon akompanos prelegoj de specialistoj pri polaj lingvo, kulturo (i.a. arto, literaturo, filmo), historio, ekonomio, sociaj aferoj, samkiel riĉa kultura kaj turisma programo. Oni povos ricevi atestilon pri lingvolernado kaj studentoj de superaj lernejoj - post antaŭa interkonsento kun sia lernejo - kreditpoentojn.

En 2000 Krakovo estas unu el la Eŭropaj Kultururboj. Venu ĝui do ankaŭ la koncernajn multajn interesajn kulturaranĝojn. Bonvolu nepre aldoni, ke vi estas eperantisto.

# Ideoj kaj proponoj pri la evoluigo de Esperanto

En la Pedagogiaj Tagoj de la Hungara sekcio prelegis s-ro *János Petik*. Sekve de tio, li sendis tri-paĝan artikolon por IPR kun la supra titolo: La Komitato de ILEI en Tabor decidis, ke IPR ne aperigas artikolojn kun kontraŭfundamentaj reform-proponoj. Tial, por ne silentigi membron de la Ligo, ni aperigas resumon kaj inviton:

La unua alineo motivigas la decidon lanĉi la temon per IPR; unuflanke "pro manko de ceteraj kaj pli kompetentaj forumoj ofertantaj la povon pridiskuti ankaŭ lingvistikajn demandojn de E" kaj pro manko de reeĥo el la Akademio. Aliflanke, ĉar "de la instruistaro oni povas la kleritecon kaj konscion [...] pri lingvistikaj aferoj atendi."

Ĉu la evoluigo de E-o estas necesa? Demandas la dua alineo. S-ro Petik respondsas jese, asertante, ke erare estas atendi, ke E-o evoluu kiel etnaj lingvoj, kaj ke ĝi bezonas konscian evoluigon.

Kiel evoluigi E-on? Demandas la tria alineo: "Akademio devas ne malhelpi sed fermenti la evoluon de E." Ĝi decidu "Ĉu E estos lingvo nur Eŭropa, nur hindoeŭropa aŭ universala?" La akademio kolektu kaj diskutu ĉiujn proponojn kaj publikigu siajn opiniojn kaj konsilojn pri ĉiuj problemoj, tiel kontrolante sed ne malhelpante la lingvo-evoluon.
La aŭtoro fine listigas 5 leksikajn kaj 16 gramatikajn proponojn. Inter la leksikaj: aboli finaĵon "-aŭ", vortojn du-etimajn (ŝanĝi, ŝarĝi, forgesi) kaj malsufiĉe internaciajn (dungi → emploji; ŝajni → sembli; kaj → et) kaj forigi la supersignojn. Inter la gramatikaj: kreo de ne-difinita artikolo, afiksoj -ag, kon-, novaj vort-ordaj principoj, limigo de la uzoj de ig/iĝ, abolo de "ne plu", kreo de nova emfaza formo de genetivo, ekz. "Mi vidis Karloz amikon", aparta pronomo por la dua persono plurala kaj "kelkgrada apliko de la sistemo de verba transitiveco en kelkaj (precipe la angla) lingvoj."
Kiu volas ricevi la plenan tekston de la artikolo, sendu leteron kun 2 irkp al la aŭtoro. Eblas diskuti kun li la temojn kaj proponi tiajn lingvistikajn kaj reformemajn forumojn kie tiaj artikoloj kaj diskutoj bonvenos.

*János Petik, Szontágh P u 9/7, HU-2660 Balassagyarmat, Tel (+36-35) 301-479*

# Instruista trejn-kurso denove

Anstataŭ instruista trejn-kurso, ILEI organizis en 1999 metodikan seminarion kadre de la Konferenco en Karlovy Vary. Ĉi-jare estas ofertata unu-semajna kurso pri didaktiko, kadre de la Plurnivelaj Intensivaj Kursoj (PIK) en Kultura Centro Esperantista (KCE). Tio okazos de la 8a ĝis la 13a de aŭgusto 2000 kun la gvido de Stefan MacGill. Bonvenaj estas instru-istoj aŭ -antoj aŭ personoj ligitaj kun edukado. La emfazo estos sur cel-lingva instruado, plej vaste interpretate.
Inter la temoj:
*Survoje al nia propra didaktika gramatiko*
- Ĝisnunaj klopodoj kaj atingoj
- La kernaj kaj unikaj ecoj de Esperanto
- Optimuma ordigo de instru-temoj
- Ligado de gramatiko kun situacioj kaj teknikoj

*Praktikaj konsiloj kaj spert-interŝanĝo*
- Teknikoj kaj aktivecoj en la cel-lingva instuado
- Prezento kaj pritakso de nuntempaj instruiloj (libroj, vidbendoj)
- Kiel rapide evoluigi parol-kapablon

*Stato kaj perspektivoj por E-instruado*
- Projekto "Interkulturo"
- Oficialigo de instruado kaj instruistaj trejnado
- Starigo de ekzameno pri instru-kapablo.

La kursanoj ricevos taskojn prepari kaj prezenti model-lecionojn. Aliĝontoj aŭ interesatoj rajtas kontakti la gvidonton rekte/rete (vidu la duan kovrilpaĝon) por klarigi siajn instru-kondiĉojn, bezonojn kaj atendojn, por ke la kurso spegulu tiujn. Ĉiujn praktikajn demandojn pri aliĝado, kostoj, loĝigo ktp. bv. direkti al

*KCE, C.P. 311, CH-2301 La Chaux-de-Fonds, Svislando,*
rete: *kce.esperanto@bluewin.ch*

# Rezultoj de la estrarkunsido de UEA por ILEI

Tiu kunsido okazis en Roterdamo fine de aprilo 2000 kun observanto de ILEI. Jen resumo de la atingoj:

*Strategio*: Edukado restas ŝlosila kampo en la strategio de UEA.

*Unesko*: Klopodindas, ke UEA kaj ILEI altigu la rilat-nivelon ĉe Unesko de operaciaj ĝis konsultaj.

*UK*: UEA konsentas disponigi la necesajn komputilajn faciligojn por prezento de la kvazaŭa lernejo dum la Tago de la Lernejo en Tel Avivo.

*Internacia Infana Kongreseto*: Ĝia okazigo en Israelo estas konfirmita kaj regularo pri IIK estas akceptita.

*Centra Oficejo*: Akceptiĝis plano pri modernigo de la komputila sistemaro de CO por ke ĝi i.a. kapablu trakti dosierojn kaj datumojn senditaj de membroj kaj organizoj kiaj ILEI.

*Ekzamenoj*: La komisiono IEK venas al fino de sia mandato julie. UEA kaj ILEI devas arigi kandidatojn por akcepto en Bouresse kaj Ten Avivo.

*Ekzameno pri instrukapablo*: La regularo proponita de ILEI estas akceptita kaj post trastudo kaj eventuala modifo, estos donita al la komitato de UEA en Tel Avivo

*Firmigo de la eduka laboro*: La estraro, aŭdinte pri la stato de ILEI, akceptis la principon ke ekestu kompensata laboro por plenumi edukajn celojn. Konkreta propono estis prezentita kun du ĉefaj celoj:

- rapidigi la plenigon de la kvazaŭa lernejo per la kontribuoj de la aliĝintaj klasoj
- permesi al estraranoj de ILEI pli gvidi la laborojn anstataŭ mem devi plenumi ilin. Komencitaj estas intensaj diskutoj kiel realigi la planon kadre de la buĝeto de UEA por 2001, inkluzive de fondajaj rimedoj.


**REDAKCIAJ INFORMOJ**

**Respondeca eldonanto** (verantw. uitgever): R. Wylleman, A. Vermeylenstr. 65, BE-8400 Oostende. **Presado:** Flandra Esperanto Ligo, Frankrijklei 140, BE-2000 Antwerpen, Tel: +32-3-234 34 00.

**Redaktejo:** NÉMETH József, HU-8531 IHÁSZ, Fő u. 41/5. Rete: *nlalt@konyvtar.c3.hu* (redaktoro), *smidik@rik.bdtf.hu* (vicredaktoro). Ni ambaŭ povas akcepti faksojn per komputilo, sed avertu nin telefone antaŭ ol vi faksas. Tel/fakso: +36-89/ 356-050 aŭ 315-836 (red.) kaj +36-94/ 320-313 (vicred.).

La nunan numeron ni sendis al la presejo la 9-an de majo 2000, **redaktofino por la sekva numero: la 15-a de aŭgusto 2000.**


**Hejmpaĝo por IPR: www.nl-papa.hu/ipr/**

# SEKCIESTROJ
## de ILEI

**Albanio**: Bardhyl Selimi, Rr. Maliq Muco, Pall. 50, ap. 3, AL-Tirana

**Argentino**: Teresita Alaniz, El Ombú s/n, AR-5801 Alpa Corral

**Aŭstralio**: Jennifer Bishop, 39 Hill Street, Hawthorn, Victoria AU-3122 🖳: *esperanto@education.monash.edu.au*

**Belgio**: Raymond Wylleman, A. Vermeylenstr. 65, BE-8400 Oostende

**Brazilo**: Elvira Fontes, Rua Machado de Assis 243, ap. 11, BR-04106-010 Sao Paulo (SP)

**Britio**: Malcolm Jones, 1 Regent Avenue, Skipton, GB-North Yorkshire BD23 1AZ

**Ĉeĥio**: Jana Melichárková, CZ-696 02 Ratiškovice 938 🖳: *mmelicharek@iol.cz*

**Ĉinio**: Zhang Danchen, General Foreign Languages Dept., 29-34 North P-, Huazhong Normal University, CN-430070 Wuhan 🖳: *zdchen@public.wh.hb.cn*

**Finnlando**: Raita Pyhälä, Jykyrintie 3, FI-69440 Lestijärvi, 🖳: *raita.pyhala@lestijarvi.fi*

**Francio**: Marie Malezieux-Hunninck, Grand rue, FR-86410 Bouresse

**Germanio**: Michael J. Scherm, Von Thürheimstr. 47, DE-89264 Weissenhorn

**Hungario**: József Németh, Kilián ltp. 75/9, HU-8500 Pápa 🖳: *nlalt@konyvtar.c3.hu*

**Irano**: Hamzeh Ŝafii, P.O. kesto 17765-184, IR-Teheran 🖳: *ilei.ir@esperanto.org*

**Italio**: Maŭro La Torre, Viale Bardanzellu 117, IT-00155 Roma 🖳: *m.latorre@uniroma3.it*

**Japanio**: Masumi Suzuki, Inokashira 3-5-12, Mitaka-shi, Tokio, JP-181-0001

**Katalunio**: Luz Vázquez, Apartat 553, ES-43200 Reus 🖳: *ilei-cat@esperanto.nu*

**Kroatio**: Ivan Bekavac-Basić, Kuŝlanova 59, HR-10000 Zagreb

**Kubo**: H. Jiminéz, Apartado 5120, CU-10500 Ciudad de la Habana 🖳: *kubesp@ip.etecsa.cu*

**Nederlando**: Hans ten Hagen, Middenweg 587, NL-1704 BH Heerhugowaard 🖳: *ten.hagen.esperanto@wxs.nl*

**Norvegio**: Björn Thuv, Aröyveien 33, NO-3135 Torod 🖳: *bthuv@c2i.net*

**Pollando**: Maria Majerczak, ul. Armii Krajowej 7, m. 122, PL-30 150 Krakow, ☎: (+48 12) 638 14 49

**Rumanio**: Prof. Popa Florica, Str. Eroilor 29, ap.7. RO-1900 Timisoara

**Rusio**: Irina Gonĉarova, Moloeznaja 38-10, Odincovo 2, Mosk. obl. RU-143000 🖳: *ab2928@mastak.sitek.ru*

**Svedio**: Bertil Andreasson, Södra Rörum pl. 455, SE-24294 Hörby 🖳:*bertil.andreasson@horby.mail.telia.com*

**Svislando**: François Randin, Str. Vallombreuse 14, CH-1004 Lausanne 🖳: *ilei.ch@esperanto.nu*

**Togolando**: Attiogbe-Agbemadon B., Mensah, T. I. E. To, B.P. 13169, Lome-TOGO, 🖳: *esp.togo@cafe.tg*

**Usono**: Doroteo Holland, 5140 San Lorenzo Dr, Santa Barbara, CA 93111-2521 (US) 🖳:*72644.2450@compuserve.com*

# REPREZENTANTOJ
## de ILEI

**Armenio**: Lida Elbakjan, Moldovakan 26/2, kv. 52, AM-375062 Erevan

**Bosnio kaj Hercegovino**: Nimeta Kulenoviĉ, Branica Sarajeva 15/V, BA-71000 Sarajevo

**Ĉilio**: Héctor Campos Grez, Casilla 231, Curicó, CL-Séptima Región 🖳:*strigo@ctcreuna.cl*

**Danio**: *vakas*

**Estonio**: Helgi Hromova, Pk. 94, EE-3053 Keila

**Islando**: Loftur Melberg, Skolabraut 1, IS-220 Hafnarfjördur

**Israelo**: Murjan Josef, P.K. 1289, IL-61012 Tel-Aviv

**Jugoslavio**: Radojica Petrovic, Bul. Oslobodjenja 36, YU-32000 Cacak 🖳: *radp@emi.yu*

**Kongo**: Ngangu Nduantoni-Bakidila, B.P. 13, CG-Lukala (Bas-Zaïre)

**Kostariko**: Hugo Mora Poltronieri, Apartado 4981, CR-1000 San José 🖳: *miaumiau@pop.racsa.co.cr*

**Koreio**: So Jin Su, Dept. de Ekonomiko, Universitato Kangnam, Kugali Kihung-up, Yongin-gun, Kyonggi-do KR-499-900 🖳: *so@kns.kangnam.ac.kr*

**Litovio**: Algimantas Piliponis, Karolinisiu 3-93, LT-2044 Vilnius

**Nov-Zelando**: Gwenda Sutton, 12C Herbert Gardens, 186 The Terrace, NZ-Wellington 1 🖳:*Sir_Lancelot@compuserve.com*

**Portugalio**: João Jose Santos Rua da Escola, lote 57 - r/c esq Vale Grande, PT-1675 Pontinha

**Slovenio**: Marija Zlatnar-Moe, Miliĉinskega 66, SI-1000 Ljubljana. 🖳:*Marija.Zlatnar@guest.arnes.si*

**Ukrainio**: Svetlana Fedotova, P.O. Kesto 88, UA-253222 Kiev

**Uzbekistano**: Eugeno S. Perevertajlo, Ab. kesto 140, UZ-700000 Taŝkent, CIS 🖳: *eugeny@esper.gimli.com*

**Venezuelo**: Prof. J.E. Bachrich, Apartado VE-70782, Caracas 1071 A

## LABORKOMISIONOJ

**Ekzamena:** Atilio Orellana Rojas (prezidanto), Hans ten Hagen (sekretario de elementa kaj meza niveloj)
**Elekta:** Doroteo Holland *(adr. kovr. 4)*, Agneta Emanuelsson, Gwenda Sutton
**Kontrola:** Bertil Andreasson, Märtha Andreasson, Bo Sandelin
**Lerneja:** Marija Belošević, Jennifer Bishop, Renato Corsetti, Stefan MacGill, Géza Kurucz, Maŭro La Torre, Raita Pyhälä
**Regulara:** Rob Moerbeek, Hans ten Hagen
**Terminara:** Maŭro La Torre

## KUNLABORANTAJ INSTITUCIOJ

**IEI:** Internacia Esperanto-Instituto, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando
**UEA:** Universala Esperanto-Asocio, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando
**UNESKO** (*en operaciaj rilatoj*). Reprezentanto de ILEI: François Lo Jacomo, 42 quai de la Loire, FR-75019 Paris, Francio

## MEMBRIĜO AL ILEI KAJ PAGADO POR ALIAJ SERVOJ

ILEI estas jure registrita ĉe la komerca ĉambro en Den Haag sub numero 27.181.064.
La membreco inkluzivas ricevon de kvar numeroj de IPR jare. Turnu vin al via landa sekcio, kiu fiksos kotizon en via propra valuto. Por pagi rekte al la internacia ILEI, skribu al la kasisto.
**Kasisto de ILEI:** Boo Mee Kim-Lindblom, Stenbockens gata 102, SE-136 62 Haninge; tel. (+46 8) 777 4175, <boomee.kimlindblom@swipnet.se>, postĝirkonto: 682117-7.
Membro-kotizoj: A-landoj (laŭ UEA-divido): 14 EUR, B-landoj: 8 EUR. Simpla abono sen membreco: 18 EUR.
Pro altaj banko-kostoj, evitu bankĉekojn kaj eĉ internaciajn poŝtoĝirojn; taŭge plenumita Euroĉeko plej bonas. Alia pagmaniero estas al UEA: **UEA**, Nwe. Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, pĝk 37 89 64. UEA akceptas kredit-kartajn pagojn. Klare indiku la celon de la pago. Kontoj ĉe UEA: ilek-a (ĝenerala), juna-l (Juna amiko) kaj pike-b (Projekto Interkulturo). Detala listigo de pagmanieroj al UEA aperas sur p. 37 de Jarlibro 1999. Prefere informu senpere la kasiston de ILEI pri la enpago.
Reklamtarifoj por IPR: 180 EUR por plena, 110 EUR por duona kaj 70 por kvarona paĝoj. Tio inkluzivas bazan grafikan pretigon; kostojn de ekstra pretigo oni rajtas fakturi. Sekcioj reklamante edukajn projektojn rajtas peti trionan rabaton.

## Interreto

http://lps.uniroma3.it/ilei *Bazaj informoj pri ILEI kun ligoj al aliaj paĝoj*
http://lps.uniroma3.it/eins *La diskutejo E–INS pri Esperanto-instruado*
http://lps.uniroma3.it/eler *Tabelo de Esperanto en lernejoj (E-LERnejoj)*
http://lps.uniroma3.it/kler *Kvazaŭlernejo "Tibor Sekelj" por la Projekto Interkulturo.*
www.banyai-kkt.sulinet.hu/esperanto *Juna Amiko*
www.hungary.net/esperanto/tend-tag.htm *Tendaraj Tagoj (angla priskribo)*
www.nl-papa.hu/ipr/ *Internacia Pedagogia Revuo*